

Saluton!

Nu jen, venis la tempo por adiaŭi la jaron 2004 kaj bonvenigi la novan jaron! Dankon, ke vi estis kun ni antaŭe. Ni tre esperas revidi vin ankaŭ en la jaro 2005! Nia eta redakcio daŭre strebos prepari por vi interesajn kaj altkvalitajn materialojn pri plej diversaj temoj. Sed – por tio ni tre bezonas ankaŭ VIAN helpon! Ĉiuj viaj konsiloj, sugestoj, kritikoj kaj proponoj estas pli ol bonvenaj! Skribu, ĉu vi ŝatas la nunan stilon de la revuo, aŭ ĉu eble vi volus ŝanĝi ĝin (kaj se jes, kiel?)? Kiujn temojn vi volus pridiskuti en *Kontakto* 2005? Per kiaj artikoloj vi mem pretas kontribui? Ni tre atendas!

Kiel vi eble jam rimarkis, tiu ĉi numero estas plurtema, malgraŭ ke ni antaŭe volis dediĉi ĝin al la temo "terorismo". Tamen, ni ne rezignas tiun temon – ni traktos ĝin en unu el la venontaj numeroj (kontribuu ankaŭ vi!).

Kiel oni festas Novjaron en diversaj landoj? Pri tio rakontas niaj legantoj (p.3-5.).

Esperantistoj ne interesiĝas pri la "viva vivo", diras Tatjana Auderskaja, gvidantino de odesa E-klubo (Ukrainio). Ĉu vere? Pli detale – sur p.6.

Jen venis la tempo publikigi la unuajn konkursajn rakontojn pri interkulturaj spertoj (la konkurso estis anoncita en *Kontakto* 2004:4). Eble, ankaŭ vi travivis iun interesan interkulturan sperton? Skribu pri tio por *Kontakto* – la nova limdato estas la 1a de aprilo 2005!

Eble, vi aŭdis, ke la jaro 2004 estis la jaro de Dalí. Okaze de tio tra la tuta Hispanio (aparte en Katalunio) okazis pluraj ekspozicioj kaj tuta fasko da diversspecaj eventoj, dediĉitaj al la genia pentristo. Sed ĉu vi aŭdis, ke lia patro estis esperantisto? Ne? Tial legu la artikolon de Ricard Guasch Montaner, kiu, i.a., fariĝos specialisto pri art-historio.

La 13an de januaro 2005 estas la 115a datreveno de la naskiĝo de la legenda esperantista blindulo – Eroŝenko. Okaze de tiu ĉi dato al *Kontakto* kontribuis mia samlandanino Julija Patlanj, kiu jam ok jarojn esploras liajn vivon kaj verkojn; speciale pro tio ŝi eĉ lernis Esperanton! Daŭrigas la temon s-ro Mine Joŝitaka (Japanio), kiu kompilis sesvoluman (!) verkaron de tiu ĉi elstara persono.

Ne povis *Kontakto* preteratenti ankaŭ la lastajn eventojn en Ukrainio. En la rubriko "Opinie" (kie artikoloj aperas kun minimumaj redaktoraj ŝanĝoj kaj laŭeble konservante la stilon de la originaloj) vi legos tri malsamajn opiniojn pri la sama temo. Ankaŭ nia vic-redaktoro Joel kontribuis per siaj impresoj!

Alportu la jaro 2005 al vi kaj via familio pacon, trankvilon, bonfarton kaj interkomprenon! Feliĉan Novjaron kaj ĝis la revido en 2005!

Agrablan legadon!

*Ĵenja*

P.S. Ne forgesu rekotizi al TEJO/UEA kaj/aŭ reaboni *Kontakto*n! (vi povas aliĝi ankaŭ rete: www.uea.org/alighoj).

## <ENHAVO>



### Ĉu vi travivis iun aparte amuzan, pensigan, malgajan aŭ frenezan interkulturan situacion, pri kiu vi volas rakonti al aliaj?

Bonvolu fari tion kadre de la konkurso "Interkulturaj spertoj", kiun la projekto Interkulturo organizas kunlabore kun *Kontakto*! Por partopreni la konkurson, bv. sendi vian rakonton al <kontakto@tejo.org> aŭ rekte enmetu ĝin en la vikipaĝon <http://www.interkulturo.net/vikio/index/Interkulturaj_Spertoj>. Jam en ĉi tiu numero ni publikigas la unuajn konkursajn verkojn! Krome, ni prokrastis la limdaton ĝis la 1a de aprilo 2005. Intertempe ni publikigos la plej bonajn historiojn en *Kontakto* kaj/aŭ en la retejo de Interkulturo <www. interkulturo.net>. Premioj por la gajnintoj de la konkurso estos libroj / vidbendoj / DVD-oj, kiujn la gajnintoj rajtos elekti el la katalogo de UEA.

### Temoj de la venontaj numeroj de *Kontakto*:

– 2005:1. ORGANIZAĴOJ.

Ni ankoraŭ ne findecidis pri la temoj de la postaj numeroj. Inter la provizoraj temoj estas jenaj: NATURO / BESTOJ; POLITIKO / MILITOJ / TUTMONDIĜO; FOTADO; LINGVOJ; MANĜAĴOJ; FAMILIO (internaciaj geedziĝoj, denaskismo ktp.). Skribu – tiu decido povas esti ja la VIA. Ekde la jaro 2004 *Kontakto* kunlaboras pri la projekto *Interkulturo* <www.interkulturo.net>. Kune kun la IK-teamo, *Kontakto* preparos artikolojn rilatajn al kultura diverseco, interkultura lernado, interkulturaj konfliktoj ktp. Viaj artikoloj / ideoj ĉi-temaj kaj ajnatemaj estas pli ol bonvenaj!


***Kontakto***: Dumonata socikultura revuo de **Tutmonda Esperantista Junulara Organizo** (TEJO), eldonata de **Universala Esperanto-Asocio** (UEA). **Fondita** en 1963. **N-ro 204** (2004:6), 40a jarkolekto. **ISSN** 0023-3692. **Legata** en ĉ. 90 landoj. **TTT-paĝo:** <http://www.tejo.org/eldonoj.jsp>. **Eldonanto** (administrado, abonoj, anoncoj): **UEA:** ✉ Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; tel.: +31 10 436 10 44, fakso: +31 10 436 17 51; ret-adreso: <uea@inter.nl.net>. **Redakcio:** *Kontakto,* p/k 89, UA-01030, Kievo-30 Ukrainio; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. **Redaktoro:** Eugenia Zvereva (Ukrainio). **Vic-redaktoro:** Joel Amis (Usono). **Ĉef-korektisto:** Paŭlo Moĵajev (Ukrainio) **Kovrilo:** Aleksej Kobzenko. **Presado:** Skonpres, Bydgoszcz (Pollando), ret-adreso: <skonpres@poczta.onet.pl>. **Konstantaj kunlaborantoj:** Joel Amis (Usono), Tatjana Auderskaja (Ukrainio), Giancarlo Baraldi (Italio), Morteza Mirbaghian (Irano), Paŭlo Moĵajev (Ukrainio), Saliko, (Finnlando), Behrouz Soroushian (Irano/Francio). **Facillingvaj artikoloj** estas verkitaj en la niveloj t*re facila* kaj *facila,* laŭ la vortolisto de *Kontakto.* Tiu listo aperas kun la unua numero ĉiujara. **Anonctarifo:** Tutpaĝa 350 EUR, 1/2-paĝa 190 EUR, 1/4-paĝa 100 EUR, 1/8-paĝa 55 EUR, 1/16-paĝa 30 EUR. Anoncoj sur kovrilpaĝoj kostas duoble. Por E-organizaĵoj 50% da rabato. Varbantoj de ekstermovadaj anoncoj ricevas makleraĵon de 30 %. Por anoncoj bv. kontakti UEA. **Anoncetoj:** por *Anonctabulo* kostas tri internaciajn respondkuponojn por dek vortoj. Bv. sendi rekte al la redakcio aŭ al UEA. **Abontarifo:** varias laŭlande. Petu informojn de UEA. **Malfortvidantoj:** povas ricevi voĉlegitan eldonon senpage. Sendu du 60-minutajn kasedojn al Elise Lauwen, Fort Alexanderstraat 16, NL-5241 XG Rosmalen, Nederlando. ***Kontakto* en radioj:** Regiono / tempo (UTC) / metroj / frekvencoj (kHz)): *Radio Havano (Kubo)* Okcidenta kaj Norda Ameriko kaj Pacifika Azio/ 7:00/31/9 820; Tuta Ameriko kaj Karibio / 15:00, 23:30/25/11 760; Eŭropo Mediteranea/ 19:30, 22.00/21/13 715; <http://216.138.240.229/rc4> (je la 15a horo UTC), <http://roi.orf.at/esperanto/es_demand.html> (laŭ mendo tra la servilo de Austria Radio Internacia). *Pola Radio:* elsendoj:13:30/41,23/7 275; ripetoj: 18:00/42.07/7 130; 20:00 kaj 9:30 sekvan tagon (nur per satelito). La satelita ricevo eblas per: Eutelsat II F – 6 – Hot Bird – 13 gradoj de la orienta latitudo; frekfenco 11,474 GHz, polarizado horizontala (H); subportanto 7,38 MHz. <http://www.wrn.org/ondemand/poland.html>, <http://www.radio.com.pl/polonia/esperanto_eo.asp>, <http://start.at/retradio> ***La redakcio kaj la eldonanto ne respondecas pri la opinioj de unuopaj aŭtoroj.***

# Novjaraj tradicioj en la mondo, aŭ: kial Santa Claus [kloz] en Usono havas edzinon kaj en Japanio – ne

**Novjaraj tradicioj en diversaj landoj tre malsamas, tamen ja ekzistas multaj similaĵoj. La plej grava eco: por multaj el ni la nova jaro komenciĝas ĝuste la 1an de januaro, multaj kutimas tiutempe ankaŭ starigi specialan arbon, kaj infanoj el diversaj landoj antaŭĝuas viziton de Sankta Nikolao, Avo Frosto aŭ de iu alia heroo. Kompreneble, ekzistas ankaŭ multaj aliaj novjaraj tradicioj, do ĉi tie ni traktos nur kelkajn erojn de tiu vere vastega temo!**

## "Mono kiel donaco estas tute neimagebla en Rusio"

*Julija Litvinova, Rusio/Belgio*



### Kristnasko aŭ Novjaro?

Pli ol duono de la loĝantoj en Belgio oficiale estas **katolikoj**, rezulte, Kristnasko ĝenerale estas konsiderata pli granda festo kompare kun Novjaro. Kristnasko estas familia festo, Novjaro – festo por amikoj – socia festo.

Plurajn jardekojn dum la tempoj de Sovetunio religio estis malpermesata, do la Novjara festo fariĝis pli grava ol Kristnasko. Nun en Rusio reaperas la tradicio fari grandan feston ankaŭ por Kristnasko, sed Novjaro daŭre restas grava.

### Avo Frosto aŭ Kristnaska avo?

En Rusio Novjaro por infanoj neniam pasas sen "Ded Moroz" (Avo Frosto) kaj lia nepino "Sneguroĉka" (Neĝulino). Infanoj lernas poemetojn kaj kantojn, kaj kiam venas Ded Moroz, ili kantas aŭ **deklamas** kaj ricevas donacojn.

En Belgio ne ekzistas iu simila persono por Novjaro, sed jes ekzistas "Kerstman" – Kristnaska Avo. Li lasas donacojn por infanoj sub la kristnaska arbo. Krom Kristnasko kaj Novjaro, infanoj en Belgio festas ankaŭ la tagon de Sankta Nikolao (aŭ Sankta Marteno, depende de la regiono) – la 6an de decembro. Sankta Nikolao loĝas en Hispanio kaj ĉiujare alvenas per granda ŝipo. Estas grandega festo por infanoj, ĉar tiam ili ricevas donacojn, ĉokoladon kaj kukojn. Sankta Nikolao havas helpanton, kiu punas infanojn, se ili malbone kondutis dum la pasinta jaro, kaj Sankta Nikolao mem lasas donacojn en preparitaj ŝuoj aŭ ŝtrumpoj por la infanoj, kiuj bon-kondutis. Tamen, por ke infanoj ricevu donacon, ili metu **karoton** kaj sukeron en la ŝuojn – por la blanka ĉevalo de Sankta Nikolao.

### Kie oni aĉetumas?

Kristnaska **foiro** en Belgio estas unu el la antaŭkristnaskaj amuziĝoj: belaj **placoj** kun lignaj dometoj, kie oni povas promeni, aĉeti donacojn kaj trinki varman vinon por varmiĝi. Kutime tie oni vidas hejm-faritajn varojn, **kandelojn**, odor-oleojn, tradiciajn lignajn ludilojn, iujn regionajn dolĉaĵojn, lumetojn, kristnaskarbojn kaj **ornamaĵojn** por ili.

Nepra ornamaĵo por tia placo estas dometo kun sekaj herboj, kun ŝafoj kaj pupoj de Jesuo kaj liaj gepatroj, kiu estas bele lumigita nokte. Ankaŭ ĉiuj gravaj lokoj de la urboj kaj vilaĝoj estas feste lumigitaj. Vendejoj aspektas kristnaske longe antaŭ Kristnasko mem – tio certe estas el-pensaĵo por rememorigi al homoj aĉeti pli por ontaj festoj. En tiu periodo preskaŭ ĉiu imagebla varo haveblas ankaŭ en fest-donaca pakaĵo.

### Kion oni donacas?

Laŭ nova leĝo, novjaraj festoj en Rusio daŭras de la unua ĝis la kvina de januaro, kaj estas ankoraŭ unu festotago por Kristnasko – la 7a de januaro. Belgoj ferias multe malpli longe: la 25an de decembro (Kristnasko), kvankam ankaŭ la 24a de decembro preskaŭ ĉie estas "mallonga labor-tago", kaj la unuan de januaro. Laborejoj kutime faras novjarajn festetojn por siaj laborantoj.

En Rusio homoj interŝanĝas donacojn por novjara festo, en Belgio – por Kristnasko. Belgaj infanoj kutime ricevas donacojn dufoje en decembro: la unuan fojon – la 6an de decembro, por la festo de Sankta Nikolao (aŭ Sankta Marteno) kaj la duan fojon – por Kristnasko.

Ankaŭ donackulturoj iom malsimilas en Belgio kaj Rusio. Praktikaj belgoj malofte faras **surprizajn** donacojn. Ili kutime unue informiĝas, pri tio, kion la persono volus ricevi, kaj se ili ne eksciis tion, tiam la kutima solvo estas donaci monon aŭ donac-kuponon. Donackupono esence estas mono, kiun oni povas elspezi en certaj vendejoj. Do, se vi scias, ke la persono ŝatas legi, aŭ aŭskulti muzikon, sed ne certas pri io konkreta kaj timas donaci ion, kion li aŭ ŝi jam havas, tiam donackupono de librovendejo estas taŭga elekto.

Tio, cetere, estas tute neimagebla en Rusio. Donackuponoj aŭ mono estas, laŭ multaj rusoj, "nepersonaj" donacoj. Kaj krome, sur donackupono estas indikita ĝia monvaloro: rusoj preferas, ke oni ne sciu, kiom kostis la donaco.

### Kion oni manĝas?

La vespero antaŭ Kristnasko (la 24a de decembro) estas tempo por festa kristnaska manĝo en Belgio. Tiun vesperon oni preferas pasigi hejme, ne en **restoracioj**, kaj kutime por tiu manĝo kunvenas la tuta familio. Ĉiu regiono de Belgio havas sian specon de festaj kukoj kaj **vafloj**. Sed ĉie same abundas specialaj kristnaskaj **keksoj**, relative grasaj kaj pezaj, sed tre bongustaj kaj belaj, kun sek-vin-**beroj** kaj **nuksoj**. Nuntempe en Belgio ne ekzistas iu speciala manĝaĵo, kiu nepre estu manĝata dum kristnaska vespero – ĉiu elektas ion laŭ sia gusto kaj monujo. Okupataj homoj povas elekti kaj mendi hejmen por festa manĝo ion el la mult-nombraj **menuoj**, haveblaj en preskaŭ ĉiu manĝovendejo.

Malofte belgoj pasigas tutajn tagojn por prepari festan tablon,




Novjaro estas la plej bona tempo por iom frenezumi!

### Fakte

Ekzistas multaj supozoj, de kio venas la kristnaskarbo. Laŭ unu el la tre popularaj, tiu tradicio aperis dank' al Martin Luther (1483-1546) – la ĉefo de la **Reformacio**. Iam vintre li iris hejmen tra arbaro, kaj ekvidis belegan abion, tra kiu brilis steloj. Al li tiel ekplaĉis tio, ke li portis la abion hejmen kaj metis kandelojn sur ĝin. La lumetoj de la kandeloj similis al la steloj en la ĉielo.

Tamen, aliaj historiistoj diras, ke la tradicion starigi abion hejme alportis **hunoj**, kiuj konsideris tiun arbon sankta. Post la malvenko de la hunoj en Eŭropo, parto de ili restis loĝi en la teritorio de la nuntempa Bavario (Germanio). Laŭdire, ĝuste el Bavario la tradicio eniris aliajn eŭropajn landojn.

La unuaj ornamitaj kristnaskarboj, laŭ multaj fontoj, aperis en la **teritorio** de la nuntempa Francio (Alzaco). Iuj historiistoj diras eĉ la precizan daton – 1605. Protestanta komunumo de la germana regiono Vurtembergo akceptis tiun ĉi ideon, kaj poste tiu tradicio disvastiĝis tra la tuta Germanio, kaj poste – tra la tuta Eŭropo. Tamen, unue oni starigis abiojn en reĝaj palacoj kaj en la domoj de riĉuloj, kaj nur poste (ĉ. 19a j.c.) ankaŭ en la domoj de malriĉuloj aperis kristnaskarboj.

En Rusio kristnaskarboj eĉ dufoje estis malpermesitaj: unue en 1916, post la Unua Mondmilito (ĉar "tiu tradicio estis prenita de la germanoj"), kaj en 1918 – la sovetia registaro decidis, ke tiu tradicio estas "tro religieca". Kaj nur en 1935 en Sovetio denove aperis tradicio starigi hejme abion: sed ĉi-foje ne kiel kristnaskan (tiu festo cetere tiam estis malpermesata), sed kiel novjaran arbon.

sed tion ja kutime faras rusoj. Por rusa festo, tablo kun manĝaĵoj estas la plej grava ero. Kutime sur rusa festotablo oni vidas multajn malvarmajn hejm-faritajn **salatojn** kaj iun ĉefan varman manĝaĵon kun viando kaj ter-pomoj. Ankaŭ hejm-faritaj kukoj kaj **tortoj** estas kutimaj festaj manĝaĵoj.

## Ĉiuj al la plaĝo!

*Roger* BORGES GRILO, *Brazilo / Hispanio*



La stratoj de Brazilo je Novjaro estas ornamitaj per brilaj koloroj kaj amaso da floroj. Vespermanĝon oni komencas post la noktomezo (oni kutime manĝas **lentojn** – tio signifas bonŝancon). Dancado kaj festado daŭras ĝis la mateno. Ĉe la marbordo de Brazilo, ĉiuj senescepte iras al la **plaĝo**, kies **sablo** belegas pro la lumo de miloj da kandeloj. Dum la nokto, homoj kuras en la akvon kun donacoj por la diino Iemanja. Oni devas super-salti la unuajn sep **ondojn** de la nova jaro, kaj ĵeti flor-**petalojn** en la maron. Tiu tradicio devenas de Afriko, nia granda patrino, kaj ĝi bone komprenigas la **esencon** de Brazilo.

## "Ŝtipobatado"

*Hektor* ALOS *i* FONT, *Hispanio (Katalunio)*

La novjaraj festoj en Katalunio estas iom **pelmelaj**, ĉar kunfandiĝas en ili tri tradicioj. La plej nova kaj ankoraŭ ne tre dis-vastiĝinta estas tiu de Avo Frosto, kiu venas en la kristnaska tago (ĉe ni – la 25an de decembro).

Plej disvastiĝinta estas tiu de la Tri **Magaj** Reĝoj*, kiuj en la nokto de la 6a de januaro alportas donacojn. La antaŭan vesperon la tuta familio lasas telerojn plenigotajn per donacoj kaj akvon por la kameloj de la Magaj Reĝoj, kaj kantas popolajn kristnaskajn kantojn.

Krome, multaj familioj konservas ankaŭ tute antaŭkristanan tradicion nomatan *tiy* (**ŝtipo**). Laŭ ĝi, en la tago antaŭ Kristnasko infanoj "manĝigas la ŝtipon" (ĉefe per **oranĝoj**), kiuj post kelka tempo malaperas. Manĝado gravegas, ĉar la ŝtipo ***fekas*** donacojn: ju pli multe ĝi manĝas, des pli multe ĝi fekos. Nokte la infanoj ĉirkaŭas la ŝtipon, kovritan per tuko, kaj batas ĝin, kantante specialan kanton por tiu ĉi okazo (estas multegaj **versioj**, preskaŭ ĉiu familio havas propran). Poste la infanoj foriras, ĉar la ŝtipo "bezonas solecon por feki". Reveninte, ili malkovras la donacojn sub la tuko. Ofte oni ripetas tion ĉi plurfoje, ĝis kiam la ŝtipo "montras, ke ĝi ĉion elfekis". (La lasta tradicio devenas de malnovega **rito** pri **fekundeco**; do verŝajne io simila ekzistas ankaŭ aliloke.)

* la Tri Magoj – la tri legendaj saĝuloj, kiuj, laŭ la Matea evangelio, venis adori la ĵus naskitan Jesuon (N.PIV)

## Du novjaroj? Jes!

*Interkultura grupo* Betuleto *(kursgvidantino – Elena* NADIKOVA*), Rusio*



*Ksjuŝa* FROLOVA: "En mia familio ekzistas interesa tradicio. Kiam la mur-**horloĝego** sonas antaŭ la noktomezo, ni ĉiuj skribas sur paper-folietoj niajn dezirojn, for-bruligas la folietojn, ĵetas la restaĵojn en **ĉampanon** kaj eltrinkas ĝin!"

*Diana* KUZJMINA: "En Rusio kaj kelkaj aliaj landoj ekzistas bonega tradicio: festi la novjarfeston dufoje! Ni havas "kutiman" Novjaron – la unuan de januaro, kaj "Malnovan Novjaron" – la 14an de januaro. La klarigo estas jena: post la Oktobra **Revolucio** en Rusio oni ŝanĝis la tempo-kalkulon de la Julia kalendaro al la Gregoria. En la 20a jarcento la diferenco inter ili estis ĝuste 13 tagoj, do, tiel aperis ankoraŭ unu gaja kaj bonega novjaro!"

*Irina* VASILJEVA: "Por mi la plej grava afero por Novjaro estas novjara arbo – natura **abio**. Tiun tradicion enkondukis en Rusion Petro la Unua en la 18a jarcento, kaj ĝi tre plaĉas al mi!"

*Alisa* ZOLOTARJOVA: "En mia familio ni tre ŝatas renkonti la novan jaron en mallumo, sed kun multaj kandeloj kaj novjaraj lumetoj. Estas tiel bele!"

*Marina* ABDULKINA: "Al mi tre plaĉas la rusa tradicio alivestiĝi. La "alivestitaj" (t.n. *rjaĵenije*) iris de domo al domo en diversaj karnavalaj kostumoj, kantis gajajn kantojn, **gloris** kaj gratulis homojn okaze de la festo, kaj oni donis al ili diversajn bongustaĵojn. Tiu ĉi tradicio tamen estas ne novjara, sed kristnaska, ja antaŭe en Rusio homoj malmulte festis la novjarfeston. Tiu tradicio ekzistis ĉe multaj **ortodoksaj** popoloj en Rusio; nun ĝi konserviĝis nur en vilaĝoj, sed mi esperas, ke ankaŭ en urboj ĝi reviviĝos, kaj gajaj *rjaĵenije* iam iros ankaŭ al mia domo!"

## Kristnaska demando – ĉe kies gepatroj manĝi?..

*Grupo* Akordo*, Nederlando*



Kristnasko restas religia festo en Nederlando, kvankam veraj kredantoj estas malplimulto en la lando. Por multaj homoj vizito al la preĝejo dum Kristnasko estas la unusola en la jaro – oni iras tien ĉefe por ĝui la **etoson**. Kutime oni festas Kristnaskon en familia rondo, kun granda festa manĝo – ĉu hejme, ĉu en restoracio. Gepatroj ŝatas, kiam iliaj infanoj (ankaŭ plen-kreskaj) vizitas ilin por la festo.

Se gejunuloj jam havas viv-partner(in)on, ofte estas "**negocado**" pri tio, ĉe kies gepatroj oni manĝos la 25an de decembro kaj ĉe kies la 26an. Kutima **simbolo** de Kristnasko estas ornamita kristnask-arbo, kiujn multaj homoj starigas en sia domo – foje kun malgranda kristnaska **scenejo** (Maria, Jesuo, Jozefo, bestoj...) sub la arbo.

Por Kristnasko en Nederlando oni tradicie ne ricevas donacojn – ilin alportas Sankta Nikolao la 6an de decembro, tamen, sub usona influo (kaj kun kuraĝigo de komercistoj) donacado okaze de Kristnasko fariĝas pli kaj pli kutima.

## La unua, kiu eniras la domon, estu viro!

*Mariam* ŜANIDZE, *Kartvelio*



Kartveloj ŝatas festi, kaj volonte uzas ĉiujn okazojn por tio. Novjaron oni festas unue hejme, kaj daŭrigas la festadon kun geamikoj – hejme aŭ en restoracio. Kartvelio estas suda lando, kie neĝo estas malofta afero, do, por ĝui ĝin multaj kartveloj iras al vintraj ripozlokoj.

La plej tradiciaj pladoj por Novjaro estas *sacivi* (bird-**buljono** kun diversaj **spicoj** kaj **juglandoj**, *gozinaki* (**fritítaj** juglandoj kun **mielo**) kaj *takje gomi* (**maizo** kun **fromaĝo**). Kaj nepre sur la tablo estu dolĉa vino. Kiam la horloĝo sonas la 12an horon, ĉiuj gratulas unu la alian. Bonega signo estas, kiam post la noktomezo la domon eniras viro aŭ infano.

La unuan de januaro oni vizitas geamikojn; ankaŭ la dua de januaro estas speciala tago – oni nomas ĝin "bedoba". Oni diras, ke la tuta jaro pasos tiel, kiel pasas "bedoba". Multaj iras en tiu tago al noktkluboj aŭ restoracioj.

## Se stano "trompas" – provu kafon!

*Riitta* HÄMÄLÄINEN, *Finnlando*

Novjaro en Finnlando ne estas sam-grava festo, kiel la Julo (Kristnasko) – la ĉefa festo de la tuta jaro. Dum la tuta decembro ligiĝas al ĝi amaso da tradicioj, kaj la festado daŭras ĝis la mezo de januaro! Antaŭe Novjaro estis nur unu el la julaj tagoj – oni eĉ nomis ĝin "Nova Julo", kaj kelk-loke en la kamparo oni ĝis nun uzas tiun nomon.

Julon oni festas ĉefe hejme, kun proksimaj familianoj, kaj la Novjaron – jen kun familianoj, jen kun geamikoj, jen hejme, urbe aŭ feri-dome en kamparo, jen restoracie, danceje, surstrate... En Finnlando ni ne havas apartajn novjarajn pladojn, tamen ni vespermanĝas ja iom pli feste ol kutime kaj trinkas ĉampanon. Multaj aĉetas amaseton da **raketoj** kaj **pafas** ĉielen noktomeze; aliaj kolektiĝas por rigardi la raketpafadon.

Dum la novjara vespero oni volas ankaŭ antaŭ-vidi la estonteccon kaj tiel praktikas kelkajn "**magiaĵojn**". La plej praktikata rilatas al **stano**. Oni aĉetas por ĉiuj festantoj etan stanan **huf-feron**, **fandas** ĝin kaj poste metas en malvarman akvon aŭ neĝon. La stano, kompreneble, ŝanĝas sian formon. Poste oni zorge esploras ĝin kaj "ekscias" ion pri la estonteco: ĉu estos vojaĝoj, ĉu geedziĝo, ĉu mono k.s. Se oni ne kontentas pri la rezultoj, oni povas informiĝi pri la estonteco ankaŭ per kafo aŭ per aliaj rimedoj.

### Kristnasko en Usono: ĉion enportu, nenion elportu!

*Joel Amis, Usono/Ukrainio*



Usono estas granda kaj multkultura lando, kie loĝas homoj de la plej diversaj devenoj. Sekve, ankaŭ la jarfinaj festoj/tradicioj same diversas. Kompreneble, mi ne povas priskribi ĉion, do mi priskribos la kristnaskajn kaj novjarajn kutimojn, kiujn mi memoras de mia infanaĝo.

En mia familio (tipa sudorientusona **Protestanta** familio) Kristnasko komenciĝas la 24-an de decembro – la antaŭvespero de Kristnasko. Ĉi tiu vespero estas ĉefe **solena**, religieca kaj do ni vizitas la vesperan diservon en preĝejo, parto de kiu estas plene kandelluma. Poste ni iras hejmen, pendigas la kristnask-ŝtrumpojn super la **kameno**, metas glason da lakto kaj kelkajn kuketojn sur tableton apud la kristnaskarbo por Santa Claus (Sankta Nikolao) kaj frue enlitiĝas. Kristnaskmatene la infanoj ĉiam nekutime fruege vekiĝas (je la granda "ĝojo" de la dormemaj gepatroj) por ekscii, kion Santa Claus alportis. Post la alveno de la dormemaj gepatroj, la infanoj ĝoje dis-ŝiras la volv-paperojn de la donacoj kaj elprenas la enhavon de la ŝtrumpoj, kiujn Santa Claus en la nokto plenigis per dolĉaĵoj, nuksoj, fruktoj kaj aliaj donacetoj. Ĉiuj malfermas ankaŭ la aliajn donacojn, kuŝantajn sub la kristnaskarbo (de Santa Claus kaj de aliaj familianoj).

Poste ni enaŭtiĝas kaj veturas al la domo de la geavoj. Tie ariĝas multaj parencoj por granda kristnaska (tag)manĝo. Post la amasa manĝegado, okazas plia donacinterŝanĝado.

En Usono ne estas "dua kristnaska tago", kiel en iuj landoj – jam la 26-an de decembro oni sentas, ke Kristnasko jam pli-malpli finiĝis, kvankam la kristnaskarbo kutime staras ĝis almenaŭ Novjaro. Novjaro en Usono estas pli-malpli la malo de Kristnasko – dum Kristnasko estas familia kaj ĝenerale religieca festo, Novjaro estas plejparte socia festo sen ajna religia signifo. Oni kutime pasigas Novjaron kun geamikoj kaj edz(in)o, anstataŭ kun parencoj. En la antaŭvespero de Novjaro multaj homoj iras al festoj (ofte kun multe da ĉampano k.s.) por "alkalkuli" la Novjaron (t.e. ĝis kiam la horloĝo sonos la noktomezon). Novjara tago havas multajn **superstiĉojn**, aparte en sudaj kaj kamparaj lokoj. Oni diras, ekzemple, ke tion, kion oni faras en la novjara tago, oni faros dum la tuta jaro; aŭ ke oni en la novjara tago neniam portu ion *el* la domo kaj ĉiam portu ion *en* la domon. Ekzistas ankaŭ tradicia novjara manĝo, kiu, laŭ bona usona tradicio, rilatas al mono: oni manĝas **rap**-foliojn (kiuj **reprezentas** verdajn monbiletojn) kaj brunajn **pizojn** (kiuj reprezentas monerojn) – tio reprezentas materialan bonfarton. Krome, je Novjaro oni kutime manĝas **porkaĵon**.

Kiam mi loĝis en Japanio mi tamen spertis tute malsamajn tradiciojn. En Japanio Novjaro estas granda familia festo kun multaj religiaj kaj religiecaj tradicioj. En Novjaro ĉiu vizitas siajn parencojn kaj donas mondonacojn al infanaj parencoj. Krome oni ofte vizitas **templon** aŭ sanktejon por diversaj novjaraj purig-ritoj.

Kristnasko en Japanio estas tamen tute malsama. Kristnasko tie estas sufiĉe lastatempa afero, enkondukita dum la usona okupado komence de la 1950-aj jaroj. Pro tio japana Kristnasko havas ĉiujn ecojn de okcidenta, materialisma Kristnasko, sen la profundaj religiaj kaj familiaj signifoj. Kristnaskon oni do pasigas kun la amat(in)o, geamikoj kaj kunlaborantoj (kiel Novjaron en Usono), ne kun parencoj. Santa Claus vizitas infanojn, sed li estas tamen iom japaneca – dum usonaj infanoj scias, ke li havas edzinon, S-inon Claus, japanaj infanoj neniam aŭdis pri ŝi (evidente, kiel bona japana edzino ŝi restas hejme, kaj la edzo neniam parolas pri ŝi). Sed eble plej mirige por mi estas plene japana kristnaska kutimo – la t.n. "kurisumasu kejki" (kristnaska kuko) – ĝi estas nepra parto de japana Kristnasko, kaj ĉiuj kredas, ke tio estas kutima ankaŭ en Usono... sed en Usono ja ne ekzistas "kristnaska kuko"!

**abio** – speco de ĉiam verda arbo
**bero** – (kutime) eta frukto
**buljono** – akvo, en kiu estis boligita viando
**ĉampano** – aerumita (kutime) blanka vino
**deklami** – el-diri
**esenco** – plej grava eco
**etoso** – spirita ĉirkaŭaĵo
**fandi** – fluecigi
**feki** – malmanĝi
**fekundeco** – naskemo, fruktodonemo
**foiro** – liber-aera vendejaro
**friti** – kuiri en oleo
**fromaĝo** – malmola laktaĵo
**glori** – diri bonaĵojn pri iu
**horloĝo –** tio, kio montras la tempon
**huffero** – "ŝuo" de ĉevalo
**huno** – ano de azia popolo, kiu eniris Eŭropon en la 4-5aj j.c.
**juglando** – speco de **nukso**
**kamelo** – simila al ĉevalo, kun unu aŭ du montetoj sur la dorso
**kameno** – hejma fajrejo
**kandelo** – natura lumeto por hejmo
**karoto** – flava longa legomo
**katoliko** – ano de la plej granda kristana organizo
**kekso** – speco de kuko
**lento** – speco de legomo
**magio** – super-naturaj agadoj por ŝanĝi aŭ regi homojn/bestojn/aĵojn
**maizo** – amerika baza greno
**menuo** – listo de haveblaj manĝaĵoj
**mielo** – dolĉa flueca manĝaĵo
**negocado** – inter-diskutado por atingi komunan decidon
**nukso** – malmola pilk-forma manĝebla aĵo, kiu kreskas sur arboj
**ondo** – akvomonteto
**oranĝo** – ronda ruĝ-flava frukto
**ornamaĵo** – beligaĵo
**ortodoksulo** – speco de orient-slava kristano
**pafi** – ĵeti per ilo
**pelmela** – malorda
**petalo** – kolora parto de floro
**pizo** – pilket-forma eta legomo
**placo** – granda malferma loko en la urbo/vilaĝo
**plaĝo** – loko apud maro
**porkaĵo** – viandaĵo el la porko – besto, en multaj landoj konsiderata kiel malpura
**Protestanto** – kristano nek katolika, nek ortodoksa
**raketo** – flug-pova fajraĵo
**rapo** – speco de subtere kreskanta legomo
**Reformacio** – religia movado komenciĝinta en la 16a j.c.
**reprezenti** – montri
**restoracio** – ejo, kie oni povas manĝi kontraŭ pago
**revolucio** – popola kontraŭ-staro
**rito** – tradicio
**sablo** – tre etaj ŝtonetoj
**salato** – speco de malvarma manĝaĵo
**sceno** – prezentaĵo de la vivo
**simbolo** – signo
**solena** – serioza, tradicie plenumita
**spico** – gustigaĵo
**stano** – speco de metalo
**superstiĉo** – popolkredo
**surpriza** – neatendita
**ŝtipo** – lignaĵo
**templo –** sanktejo
**teritorio** – ne klare difinita loko
**torto** – tre dolĉa kuko
**vaflo –** maldika kuko
**versio** – prezento de io de la vidpunkto de aparta persono (grupo)

### Skribu al Avo Frosto!

Vi certe scias, ke Avo Frosto estas ne nur persono el rakontoj, sed vera homo, kiu regule respondas al ĉiuj leteroj. Sciu ankaŭ, ke nun kun Avo Frosto eblas korespondi ankaŭ en Esperanto! Skribu al li: Avo Frosto, Norda Poluso, Hoh Oho, Kanado – Canada (Esperanto-Societo Kebekia).



### Ne forgesu rekotizi!

Jes, jam alvenis la tempo por remembriĝi en TEJO (aŭ re-patroniĝi) por 2005. Bonvolu frue rekotizi por ke via ricevado de *Kontakto* kaj *TEJO Tutmonde* ne estu interrompita. Ne forgesu ke, krom ricevado de la interesaj kaj informplenaj TEJO-revuoj, via membreco rajtigas vin ricevi rabaton je la partoprenkotizo de la IJK (kiu en 2005 okazos en Zakopane, Pollando!)! Memoru, TEJO estas *via* asocio— helpu ankaŭ *vi* ke ĝi estu forta kaj aktiva en 2005! Kontaktu la Centran Oficejon, aŭ aliĝu rete ĉe: www.uea.org/alighoj

# “Esperantistoj plejparte ne interesiĝas pri la viva vivo!”


KOMPLEZE DE T.A.

**Tatjana Auderskaja estas gvidantino de la odesa E-klubo *Verdaĵo*. Ŝi estas profesia biologo – ŝi laboras en la Odesa Zoologia Ĝardeno, kiu havas i.a. profesian filmstudion kaj jam 20 jarojn produktas filmojn pri naturo kaj naturprotekto, plejparte por lernejoj kaj naturprotektaj centroj en Ukrainio. Tie estis faritaj ankaŭ du filmoj en Esperanto!**

***– Kiel oni rilatas al Esperanto en via laborloko?***

– De unu flanko, tio estas iom primoketata afero, sed de la alia – enviinda! Ja ĉiuj vidas, ke mi ĉiusomere partoprenas diversajn interesajn renkontiĝojn kaj eble iom envias.

***– Ĉu ekzistas prinaturaj filmoj en nia lingvo?***

– Bedaŭrinde, oni kreas entute malmultajn filmojn en Esperanto, kaj pri aliaj filmoj pri la naturo mi ne aŭdis. Do, ni strebis ripari ĉi tiun mankon. La unuan filmeton ni faris en 2001. Ĝi nomiĝas *Sovaĝa vivo de sudaj kanejoj* – tio estas kelkaj poeziaj skizoj pri la vivo de la naturo de printempo ĝis aŭtuno en nia regiono – apud la rivero Dnestro, en Odesa provinco. La rezulto, laŭ mi, estas bona.

***– Ĉu vi montris ĝin dum E-kongresoj? Kiaj estis la reagoj?***

– Jes – en UEA– kaj SAT-kongresoj en 2002, sed... ĝi absolute ne havis sukceson. Tute ne ĉar ĝi estas malbona – simple esperantistoj ne havas intereson pri tio. Kutime homoj dividiĝas en du grupojn: homoj de kulturo kaj homoj de naturo, kaj esperantistoj preskaŭ senescepte estas homoj de kulturo. Ili simple ne perceptas, ne interesiĝas, ne ŝatas, eĉ ne bezonas la naturon. Kiam mi montris la filmon en Zagrebo, iuj eĉ kun indigno demandis: “Kiu permesis? Por kiu celo?..” Mi tion ne komprenas. Dum la kongreso estas ja tiel streĉita etoso, kaj tiu filmo, laŭ mi, estis kvazaŭ freŝa aero. Ekzemple, por mi agrablas eĉ surekrane spekti la naturon... Sed evidentiĝis, ke por aliaj tute ne.

Alia, laŭ mi, stranga afero estas manko de prinaturaj poemoj en Esperanto. Mi bezonis ilin por nia dua filmo, sed – ve! – ne trovis. Estas multaj versaĵoj pri amo, pri Esperanto, pri diversaj ideoj... sed ne pri la naturo. Mi eĉ publikigis artikolon pri mia malkovro en *La Ondo de Esperanto* kun la espero, ke venos almenaŭ kelkaj reeĥoj, sed... eĉ ne unu venis! Pro tio mi konkludas, ke la naturo tute ne interesas esperantistojn. Eble tio estas tre malbona antaŭsigno... Sed mi tamen ege deziras, ke ankaŭ en nia lingvo aperu belaj kaj interesaj filmoj pri la naturo. Necesas “vivigi” ankaŭ la E-movadon, klerigi esperantistojn pri la naturo kaj “viva vivo” – la nura vivo de ideoj ja estas neviva.

***– Pri kio temis via dua filmo? Ĉu ankaŭ pri naturo?***

– Parte – jes, parte – ne. Ĝi nomiĝas *La perloj de la Ĉenigramarujo* – nia regiono ja situas apud la Nigra Maro. Tio estas jam 20-minuta filmo (farita en 2003), kiu temas pri vidindaĵoj de Odeso kaj pri ĝiaj naturaj ĉirkaŭaĵoj. Ni opinias, ke la ĉefa “perlo” estas Odeso mem, kies kromnomo i.a. estas “La perlo ĉe la maro”. Do, unuavice la filmo montras vidindaĵojn de nia bela urbo, kiu estas nur 210-jara, sed tamen tre bela laŭ arkitektura vidpunkto. Ne forgesis ni montri ankaŭ la junularon de nia klubo *Verdaĵo* kaj kelkajn ĝiajn agadojn. Nia klubo ĉiujare okazigas ekskurson laŭ la riverbordo de Dnestro. Ĝi estas unu el malmultaj lokoj en Eŭropo, kie konserviĝis vere riĉega netuŝita naturo. Bedaŭrinde, en Eŭropo restas tre malmulte da tiaj lokoj... Nian ekskurson foje partoprenis esperantistoj de nia najbara lando – Pollando. Kaj eĉ ili estis ege surprizitaj de nia naturo: “Kiel eblas, ke je nur 40 km de milionhoma urbo oni povas vidi ardeojn, ibisojn – la birdojn, kiujn en Pollando oni povas vidi nur en kernoj de rezervejoj!”

***– Kiuj estas viaj planoj? Pri kio temos via tria filmo?***

– Ni planas, ke la tria filmo estu kvazaŭ daŭrigo de la dua, kiu pli vaste montros Odeson kaj daŭrigos la rakonton pri nia naturo.

***– Ĉu oni filmas ankaŭ en la bestĝardeno, kie vi laboras?***

– Neniel! La reĝisoro (samtempe kameraisto) ĉiam iras al la naturo. Por observi iun birdon kaj ĝiajn kutimojn li povas sidi tagnokte en unu loko kaj atendi, sen moviĝo kaj ĉiam kun preta kamerao. Oni devas vere longe atendi, ĝis okazas io interesa. Povas pluvi, povas ĝeni kuloj... Estas vere ege malfacila laboro! Kiam ni mem faris filmon, mi komprenis la veran valoron de unu minuto da ekrana tempo. Ĝi havas malantaŭ si tagojn, eĉ semajnojn da observado, atendado kaj “ĉasado” per kamerao. Ĉiu minuto da ekrana tempo konsistas el 24 scenetoj. Kaj imagu, kiom da scenetoj oni povas “enmeti” en 20-minutan filmon! Krome, necesas trovi muzikon, sinkronigi la sonojn kun bildoj, verki tekston... Estis vere longa kaj pensiga laboro.


KOMPLEZE DE T.A.

Kun la klubanoj

***– Kiel mi komprenis, la reĝisoro estis neesperantisto. Ĉu estis malfacilaĵoj en via kunlaboro?***

– La reĝisoro ja estis neesperantisto, sed li faris jam multajn filmojn kaj havis proksimuman ideon ankaŭ pri nia filmo. Scenaron mi verkis unue en la rusa, kaj post lia aprobo mi tradukis ĝin en Esperanton. Dum laboro ni tamen ŝanĝis la tekston, kaj mi devis ĉion retraduki en la rusan, por ke li absolute klare komprenu ĉiujn vortojn por ĝusta sinkronigo kun la bildoj. Tamen, li maltrankviliĝis kaj eĉ nervoziĝis, ĉar li ja ne povis ĝisfine kompreni sian propran kreaĵon. Sed tamen ni solvis tiun taskon! Nia reĝisoro ĉiam estis subtenanto de Esperanto, kaj kiam ni trovis sponsorojn kaj eĉ ricevis premiojn de UEA, li ekrigardis Esperanton des pli estime. Li komprenis, ke oni povas profesie labori en ĝi, ke Esperanto ne estas iu strangaĵo, sed digna afero en la vico de aliaj dignaj aferoj. Kaj li tre ĝojas havi tiel internacian spektantaron.


KOMPLEZE DANUBA TURISMA INFORMCENTRO
FOTIS: VAUTERA IDEM

Insuletoj en la delto de Danubo (Odesa regiono)

***– Sed kiu sponsoris la filmojn?***

– En la unua fojo la filmon sponsoris geamikoj el nia ĝemelurbo en Japanio – Jokohamo. Ni havas tre bonan rilaton kun la Jokohama E-rondo kaj foje interŝanĝas vizitojn. Kompreneble, la filmado estas iom kosta afero, sed por tiuj du filmoj ni uzis jam pretajn materialojn kaj bezonis pagi nur muntadon kaj multobligadon. Ni laboris senpage. La duan filmon sponsoris angla bonfaranto, kiu petis resti anonima. Ni tre dankas al niaj sponsoroj kaj invitas sponsorojn por niaj pliaj filmoj (laŭ malnetaj kalkuloj, la tria filmo kostos ĉirkaŭ USD 1200). Ni intencas daŭrigi nian filman projekton en aŭgusto 2005.

***– Dankon pro la interesa rakonto!***

– Dankon al vi! Mi tre bonvenigas viajn reagojn kaj invitas ĉiujn esperantistojn partopreni la ekologiajn ekspediciojn de nia klubo.

**<Kontaktu>**

Rete: <verda99@mail.ru> aŭ poŝte: 65026, Odeso, Korolenko str. 5-b, kv. 26, Ukrainio. <http://odesa.iatp.org.ua/esperanto/1>. Odesa junulara E-klubo *Verdaĵo* invitas al: Cigna lago: 6-8 de januaro; Humura festo *Aprilaj Ridetoj*: 30 de marto – 2 de aprilo; ekspedicio laŭ *Dnestro*: 1-2 semajnoj en aŭgusto; Zamenhofaj Tagoj apud Zamenhofa monumento: 14-16 de decembro.




# Li vizitis min Pasportserve

*Pasportservano*

Tipa okcident-eŭropa esperantisto: vigla 70-jarulo, kiu vagadas tra la mondo. Li dum multaj jaroj partoprenas UK-jn kaj aliajn E-aranĝojn, po kelkajn jare. Jen ideala interkultura homo, ĉu ne? Kiom da landoj li vizitis dum sia longa vivo, kiom da interesaj homoj kontaktis, kiel riĉas lia trezorejo interkultura! Ja la tuta mondo malfermiĝis antaŭ li dank' al nia kara lingvo, kaj li aktive uzis tiun eblon konatiĝi kun la mondo! Ĝuste tiujn eblojn ni arde enviis en iamaj "socialismaj landoj", apartigitaj de la cetera mondo per la "fera kurteno".

Sed post nelonga kontakto iom ŝanceliĝis mia entuziasmo. La homo tute nenion sciis eĉ pri elementaj faktoj el la historio de mia lando, des pli pri kulturo. En mia urbo troviĝas kelkaj kulturaj monumentoj konataj tra la tuta mondo; sed li nenion aŭdis pri ili kaj ŝajne tute ne atentis. Lin ne interesis konatiĝi kun ili; li ne emis eĉ aŭskulti klarigojn. Kiam ni iris laŭstrate kaj necesis turniĝi flanken, li kutime laŭinercie paŝadis ankoraŭ 10-20 metrojn, ĝis kiam li ekrimarkadis, ke mi ne estas apude. Li ne subtenis dialogon, ne reagis al ŝercoj, ne interesiĝis pri rakontoj kaj montroj. Sed li ne estis surda aŭ miopa. Li estis tute sana kaj vigla, fizike forta kaj eltenema ulo: li senlace povis paŝadi la tutan tagon. Simple, nenio ĉirkaŭe interesis lin.

Nur en du kazoj liaj okuloj ekbrilis: kiam temis pri mono kaj pri lia hobio. Kun arda intereso li demandis pri kelkaj aferoj, kiuj koncernis la financan staton de aliaj esperantistoj (en la senco: "Kiel tiu povas permesi al si tion, se li aŭ ŝi pretendas esti malriĉa?", "De kie venas ties mono?").

Kaj la sola konstanta vigligilo por li estis lia hobio. La aĵojn, kiuj interesas lin, li trovadis kun vidkapablo de aglo, mirigante eĉ min, kiu neniam rimarkis tiaĵojn en mia urbo. Sed ekster la hobio – nenio.

Mi ĉiam supozis, ke ĝuste tia estas okcidenta esperantisto; kaj nun antaŭ mi estis viva specimeno, el karno kaj ostoj. Li estis viva argumento en iom longa diskuto, kio estas interkulturo kaj ĉu vere ĉiu esperantisto estas laŭdifine interkultura, ĉar li konas internacian lingvon kaj kontaktas kun multaj homoj el multaj landoj. La respondo denove kaj definitive estas: *ne*! Esperanto ne estas interne kunligita kun la strebo scii kaj kompreni; ĝi ne estas per si mem pacigilo kaj interligilo. Ĝi estas nur rimedo, kiel estis asertite en la Bulonja Deklaracio de 1905, kaj ĉiu uzas ĝin por sia propra bezono, sendepende de ajna ideo, kunligita kun ĝi.

Kaj jen dua negaja konkludo: la averaĝa esperantisto en UK-oj estas ĉirkaŭ 60-jaraĝa; plejparte tio estas ĝuste tiaj okcident-eŭropaj pensiuloj, kiuj vagadas tra la mondo por propra plezuro, rutine kunvenas kun samaj personoj de aliaj landoj, surface interŝanĝas kelkajn frazojn kun nekonatoj kaj poste denove revenas al siaj landoj, por same rutine kaj surface kunvenadi kun la samaj personoj en siaj kluboj.

Sen novaj ventoj, novaj generacioj, novaj horizontoj – ĉu travivos Esperanto ĝis 2045?

## La hodiaŭaj E-gejunuloj estas la morgaŭaj E-geavoj!

*Joel AMIS, Usono/Ukrainio*

Ĉu vere ĉiuj "okcidentaj pensiulaĝaj (etburĝaj) esperantistoj" estas vere tiel neelteneblaj, kiel tiu de la supra malbonŝanca PS-gastiganto? Se jes, mi jam post mia unua UK neniam emus iam ajn denove partopreni ilin – sed mi partorprenis jam tri UK-ojn kaj volonte partoprenos denove, kiam mono kaj tempo tion permesos. La gasto en "Li vizitis min Pasportserve" estas, laŭ mi, ekstreme malbona, kaj ankaŭ ekstreme maltipa, ekzemplo de "E-av(in)o". Post multegaj kontaktoj kun pensi-aĝaj gesamideanoj en Usono, Japanio kaj Eŭropo mi neniam renkontis similajn ekzemplojn. Kompreneble, ne ĉiu esperantisto povas esti fakulo pri la kulturo kaj historio de ĉiuj vizitataj landoj. Sed aliflanke sugesti, ke la tipa "okcident-eŭropa pensiula" esperantisto estas nura etburĝa turismemulo, kiu vojaĝas nur cele al propra plezuro, estas grandega kaj nejusta troigo. La "E-geavoj", kiujn mi renkontis en tiu aŭ alia E-kongreso/renkontiĝo, estas multe pli kulture kaj ĝenerale kleraj ol ne-esperantistaj turistoj – tio, laŭ mi, estas jam nebagatela atingo.

Pri la "dua negaja konkludo" de la koncerna Pasportservano mi iom malkonsentas. Jes, verŝajne la averaĝa aĝo de UK-partoprenanto estas ja ĉirkaŭ 60 – sed tio ne nepre signifas, ke nia Movado jam agonias. Mi supozas, ke la UK-partoprenantaro ekde la unua UK en 1905 neniam estis treege juna nek proleta. Por partopreni UK-on necesas du aferoj: mono kaj tempo. Estas simple fakto de la nuna mondo, ke la homoj, kiuj havas ambaŭ necesaĵojn estas ĝuste pensiuloj en "okcidentaj" landoj (mi iom hezitas pri la vorto "okcidenta", ĉar ĝi estas pli ekonomia, ol geografia koncepto – tiu ĉi uzo de "okcidenta" inkluzivas ne nur okcidentan Eŭropon, sed ankaŭ Usonon, Japanion, Kanadon, Aŭstralion k.s.). Do la alteco de la averaĝa aĝo de UK-partoprenanto ne nepre signifas, ke nia Movado iom post iom mortas – eblas ankaŭ prognozi, ke la IJK-partoprenemuloj de hodiaŭ iam estos la UK-partoprenemuloj de morgaŭ.

Do, estas bedaŭrinde, ke foje PS-anoj suferas de iom malidealaj gastoj – sed tiuj kazoj malmultegas kompare kun la bonaj interkulturaj travivaĵoj, kiuj pli kutimas kun PS. Krome, estus des pli bedaŭrinde, ke la koncerna malideala "okcident-eŭropa pensiula" esperantisto makulu la reputacion de ĉiuj niaj karaj "E-geavoj", kiuj konsistigas gravan parton de nia Movado kaj tre ofte finance kaj morale subtenas junularan E-agadon. Ni memoru, ke ni ĉiuj apartenas al UNU familio – senkonsidere al la aĝo, klaso aŭ loĝlando. Ni ĉiuj povas lerni unu de la aliaj.

# Saluton, sinjoro Mefito!

*Aneta UBIK, Germanio*

**Antaŭ kelkaj monatoj mi revenis el fora Bona Espero (Brazilo) al mia hejmurbo kaj familio en Germanio. Ankoraŭ mi sentas fortan *saudad*-on… Ĉu vi konas tiun vorton? En la portugala oni diras "Estou com saudade" – tio signifas, ke oni dolĉe sopiretas tion, ke oni ne plu povas esti kune kun la amikoj. Repensante mi konstatas, ke tiu duonjaro, kiun mi pasigis en Brazilo, estis riĉiga en ĉiuj aspektoj. Bona Espero estas Esperanta bieno en la mezo de la vasta lando, kaj ĝi okupiĝas pri malriĉaj infanoj. Do, jen mi elpiku etan epizodon, kiu okazis en la bieno.**

Unu bela tago en Bona Espero finiĝis, la suno jam delonge kaŝiĝis, kaj mi zorgis pri tio, ke la infanoj prepariĝu por dormi. "Brosu la dentojn! Surmetu piĵamojn! Ne manĝu dentopaston!" – ĉio iris glate. Fine, je la 21:15 ĉiuj kuŝis en la litoj, kaj ankaŭ mi faris tion. Mi fermis la okulojn. Bela silento. Mia aŭdkapablo akriĝis, kaj la oreloj perceptis multajn endormigajn sonojn: kantojn de griloj, profundajn ritmajn en– kaj elspirojn de la infanoj kaj – "flum!" – verŝajne denove mango, kiu falis de arbo. Kviete mi kuŝis, kontenta, preskaŭ jam sonĝanta. Subite mi ekaŭdis malagrablan bruegon el la kuirejo. "Ĉu estas iu infano, kiu volas trinki akvon? Ne… tian bruon ili ne kutimas fari!" – mi pensis. Jen mi komencis ŝviti, ĉar la laŭtaj sonoj de falantaj potoj ne ĉesis. "Feliĉe, ke la infanoj kviete dormas". Do, kunpremante la pugnojn, mi eliris el la dormoĉambro, kun firma decido atingi la kuirejon. Kiam mi estis tie, mi levis la kapon



por vidi pli bone, streĉis la kolon, pli kaj pli – ho ve! En la granda poto, kiun ni uzas ĉiutage, komforte sidis mefito*! La sekvo de ĝia vizito estis evidenta. Akra fetoro penetris la tutan bienon.

* mefito – nigroblanka amerika besto, kiu sin defendas, elŝprucigante tre malbonodoran likvon kontraŭ atakanto



# Salvador Dalí: la plej ekstra

*Ricard Guasch Montaner, Hispanio (Katalunio)*

**En la jaro 2004 oni festis la centjariĝon de unu el la plej famaj artistoj de la 20-a jarcento: Salvador Dalí i Domènech [salbadó dalí i dumének].**



Naŭ monatojn antaŭ lia naskiĝo forpasis la dujaraĝa frato Salvador. Tio kaŭzis senfinan malĝojon al la gepatroj, kiuj retrovis konsolon nur en la naskiĝo de la nova Salvador Dalí, la 11an de majo 1904 en Figueres [figeres], Katalunio. Li baldaŭ montris genian karakteron: kiam li estis sesjara, li deziris esti kuiristino, kaj kiam li estis sepjaraĝa, Napoleono. "De tiam miaj ambicioj plukreskis konstante", – li skribis.

Dalí ekstudis arton en la pentra lernejo de Figueres, kie li elstaris kaj atingis tre bonajn rezultojn. Kiam li estis sesjara, lia patro organizis hejme la unuan ekspozicion de liaj unuaj karbonkrajonaj pentraĵoj. Tamen, la unua publika ekspozicio de la verkoj de Dalí okazis en 1919 en la urba teatro de Figueres. En tiuj jaroj lian pentromanieron influis Ramon Pitxot [piĉót] – pentristo kaj amiko de la familio. Li loĝis en Cadaqués [kadakés], kie Dalí kaj liaj gepatroj feriadis somere.



En la jaro 1921, kiam Salvador estis ankoraŭ junulo, forpasis lia patrino pro kancero, kaj la patro edziĝis al lia onklino. Tiu geedziĝo aperigis inter la patro kaj la filo malbonegan rilaton, kiu daŭris dum la tuta vivo. La patro de Dalí estis mez-klasa notario logata de la anarĥiismaj ideoj, kiu interalie disvastigis la internacian lingvon per artikoloj en *Espero de Katalunjo* kaj eĉ kunfondis la unuan tut-katalunan Esperanto-asocion (ankaŭ ĝi havis sian jubileon en 2004).

Post la studado en Figueres, en 1922 Salvador Dalí estis akceptita en la Belarta Akademio de San Fernando de Madrido – tie li komencis eksperimenti pri dadaismo*, kiu influis lin dum la tuta vivo. Li konatiĝis, i.a., kun la andaluza poeto García Lorca [garsia lorka] (la aŭtoro de *Poeto en Novjorko – Poeta en Nueva York*) kaj la reĝisoro Luis Buñuel [bunjuél]. En 1929 kune kun Luis Buñuel li kreis, sendube, la plej gravan filman verkon el la avangardaj movadoj de la 20a jarcento – *Andaluza hundo (Un chien andalou)*.

Sed Dalí foriris el la Akademio konstatinte, ke neniu tie estas sufiĉe bonkvalita por ekzameni liajn konojn pri Michelangelo [mikelánĝelo]. Tiam, logita de superrealismo, en 1926 Salvador la unuan fojon vojaĝis al Parizo, kie li renkontis Pablon Picasso-n [pikaso] – la pentriston, kiun li preskaŭ admiris sekrete. Krome, li ekrilatis kun la grupanoj de la superrealista grupo estrata de la poeto André Breton [bretón], la aŭtoro de la Superrealisma manifesto (1924).

En Parizo baldaŭ Dalí fariĝis fakulo de la superrealisma movado: li kreis la "paranoj-kritikan" metodon, kiun li mem difinis kiel "spontanean sistemon de kono malracia, kies bazoj estas la fenomenoj de deliro". Post senlaca insistado de Dalí, eĉ Freud [frojd], kies gravaj malkovroj en psikologio multe influis la superrealismon, legis lian metodon. Dalí konsideris sin la superrealismo mem. Fakte, tio estis pli-malpli vero: ĉiuj anoj de la grupo atingis la superrealismon pere de mensaj mekanismoj. Por Dalí estis male: fariĝi superrealismulo kaŭzis al li neniun mensan penon, ĉar li *ja* estis tia. Tamen, ne temis pri frenezulo: "La sola diferenco inter mi kaj frenezulo estas tiu: mi ne estas freneza", – li skribis.

Jam denove en Katalunio, en Cadaqués (mara vilaĝeto, scenejo de multaj liaj pentraĵoj) lin vizitis Gala – jud-devena rusino, tiama edzino de la franca poeto Paul Eluard [pol elüár]. Ŝi estis konsiderata muzo de pluraj artistoj, kiuj, kun la konsento de la poeto, partoprenis en festegoj, kie regis seksumo. Tie li enamiĝis al ŝi, kaj komenciĝis pasia rilato. Sed Gala denove revenis al Parizo, kaj dum ŝia foresto Dalí pentris unu el siaj plej famaj verkoj: *La granda masturbanto (El gran masturbador),* 1929, en kiu li mem aperas kiel malforta, preskaŭ senforma aĵo.



Gala fariĝis ne nur la edzino kaj muzo de Dalí, sed ankaŭ lia arta gvidanto. Baldaŭ Dalí malproksimiĝis de la superrealisma grupo ĉar lian dekstreman ideologion malŝatis la grupanoj, multaj el kiuj estis anoj de la Franca Komunista Partio. Male, li admiris la manieron, en kiu Hitlero alparolis homojn, kaj poste, pro sia





# avaganca geniulo centjariĝis



verko *Kristo en tridimensia kruco (El Crist de sant Joan de la Creu), 1951*, li fariĝis unu el la plej ŝatataj pentristoj de la hispana faŝisma reĝimo.

DALÍ, tamen, estas eble la plej grava membro de la superrealisma pentroskolo, same kiel alia kataluna pentristo: Joan [ĵuán] MIRÓ. Liaj ekstravagancoj kaj stranga parolmaniero estas konataj al multaj; la libroj *La sekreta vivo (La vida secreta)* kaj *Kaŝaj vizaĝoj (Rostros ocultos)* igis lin amasinformila stelo – li vekis la intereson eĉ en tiuj, kiuj tute ne ŝatas arton.

Precipe ekde la Dua Mondmilito, DALÍ klopodis riĉiĝi iel ajn. Pro tio li orientiĝis al fia komercado de siaj verkoj. Ekzemple, meze de la 1970aj jaroj, aperis miloj da blankpaperoj subskribitaj de DALÍ kaj surpentritaj de nekonataj aŭtoroj, kaj oni senprobleme disvendis ilin kvazaŭ verajn verkojn de DALÍ. Televida raporto malkaŝis la grandan skandalon, al kiu la reprezentantoj de la pentristo sendube iel rilatis.

La verkoj de DALÍ influis postajn artistojn, kiel Andy WARHOL aŭ Yoko ONO. Iam vizitis lin en Cadaqués eĉ John LENNON. La neklasifikebla muziko de la nordkataluna Pascal COMELADE [paskál kumelade], interpretita per ludiloj, elvokas la kosmon de DALÍ. Tion montras kanzontitoloj, kiel *La dresanto de muŝoj de Figueres (Le dompteur de mouches de Figueres)*. Miaopinie, la titolo rilatas la fakton, ke DALÍ, dum li pentris en sia ripozejo en Portlligat, malsekigis la komisuron** de siaj lipoj por ke "la purigaj muŝoj de Portlligat" – tiel li difinis ilin en unu el siaj intervjuoj – ripozu sur ĝi. Tio multe plaĉis al la pentristo, kiel li mem poste konfesis.

Certe la molaj horloĝoj de *La persisto de la memoro (La persistència de la memòria),* 1932, estas la plej konata rekonsigno de la pentristo, krom, kompreneble, liaj longaj lipharoj. Aliaj konataj titoloj de liaj verkoj estas la antaŭe menciita *La granda masturbanto* kaj *Knabino en la fenestro (Noia a la finestra), 1925.*

En 1976 en salono de la Teatro-Muzeo de Figueres DALÍ kreis kuriozan portreton de Mae WEST. Temas pri vasta ĉambro, kies mebloj kaj elementoj, rigardataj tra granda lupeo, transformiĝas en la vizaĝon de la usona aktorino. Du pentraĵoj en ĝi estas la okuloj; la kameno – la nazo; la ruĝa sofo – la lipoj, kaj la kurteno – la blonda hararo. DALÍ ankaŭ ludis per optikaj iluzioj en verkoj, kiel *Gala mirant al mar Mediterrani, en què a una distància de vint metres es transforma en el retrat d'Abraham Lincoln* – la renovigita versio de la menciita *Noia a la finestra.* Kiel informas la titolo, se rigardi ĝin de dudekmetra distanco, la pentraĵo transformiĝas en la portreton de iama usona prezidento LINCOLN.



En la 1980aj jaroj DALÍ translokiĝis al kastelo de Púbol [pubul]. Tiam li estis jam maljuna kaj malsana je parkinsona malsano. Poste oni internigis la pentriston – jam sen Gala, ŝi forpasis en 1982 – en urban malsanulejon. Li mortis en 1989. Oni diras, ke ĝis sia morto DALÍ agis same, kiel dum la tuta vivo: ekzemple, li tute ne moviĝis en la lito, se la hispana himno ne sonis en la ĉambro. DALÍ mortis la 23an de februaro 1989, kun la brako levita...



Okaze de la centjariĝo de DALÍ, por tiuj, kiuj ankoraŭ ne sufiĉe bone konas lin nek liajn verkojn, estas oportune viziti la Teatron-Muzeon *Salvador DALÍ* de Figueres. Temas pri domo ornamita ekstere de grandaj panoj kaj kronita de ovoj (ĝis 1973 ĝi funkciis kiel urba teatro). La pentristo estas entombigita proksime al la scenejo, apud la... necesejoj.



* dadaismo (de la franca *dadaisme*, de la vorto "dada" – ligna ĉevaleto; infana parolado) – avangardisma art-literatura movado en 1916-1922, kiu celis likvidi ĉian intelektan tradicion kaj forigi ĉian rilaton inter la penso kaj la esprimo. En la 1920aj jaroj en Francio ĝi unuiĝis kun superrealismo, en Germanio – kun ekspresionismo.

** komisuro – parto, kie du similaj partoj (lipoj k.s.) kuniĝas.

# “Mi venis el Rusio, fabelojn mi verkas japane, kaj miaj amikoj nomas min japana poeto”




*Julija* PATLANJ, *Ukrainio*

**Foje EROŜENKO diris al homo perdinta vidkapablon en milito: “Mi nebule memoras nur kvar aferojn: ĉielon, kolombojn, preĝejon, kie ili loĝis, kaj la vizaĝon de la patrino. Ne tro multe... Sed tio ĉiam inspiris kaj inspiras min al serĉo de puraj, kiel ĉielo, pensoj, kaj ĉiam igis min memori pri la Patrujo, same kiel pri la patrina vizaĝo, en kiun ajn angulon de la mondo la sorto ĵetis min”. La blindeco de EROŜENKO ne malhelpis al li travivi vere legendan vivon. Li havis plurajn nomojn. En Japanio oni nomis lin Ero-san, en Ĉinio – Ajlosanke, aŭ sinjoro Ajlo. Blindaj birmaj infanoj alparolis lin kiel “pli aĝan fraton”, kaj mirigitaj ĉukĉoj* nomis lin “kakume” – “miraklo”. La nomon de tiu mirinda homo oni trovas en japanaj enciklopedioj, sed malmultaj en lia patrujo scias la nomon de la esperantisto Vasilij EROŜENKO. Kial?**

## Blinda vojaĝanto

Unue, nekredebla multfaceteco de liaj agadoj kaj spiritaj interesoj, kiuj kontraŭis “la solajn korektajn” oficialajn vidpunktojn. Due, plurfoja kaj ofte konscia neniigo de liaj arĥivoj. Trie, neeviteblaj lingvaj baroj, kiujn Vasilij EROŜENKO tiel sukcese superis dum sia vivo... La unuaj esploroj pri la vivo kaj verkoj de EROŜENKO komenciĝis en lia patrujo kvin jarojn post lia forpaso, sed ĝis nun nek en Rusio, nek en Ukrainio ekzistas plena verkaro de liaj fabeloj kaj rakontoj.

Foje EROŜENKO skribis pri la vizito de ĉina diplomato al moskva porblindula lernejo (tie Vasilij lernis metiojn kaj muzikon). La instruistoj kredigis al la infanoj, ke “nur la blanka raso estas la supera”. Sed tiu sinjoro, malgraŭ aparteno al “malsupera” raso, afable permesis al la geknaboj tuŝi ne nur sian kostumon, sed eĉ la harplektaĵon sur la kapo. Li ŝajnis al la infanoj multe pli ĝentila, ol la lerneja gardisto, kiu apartenis al la “supera raso”. Pri tio, kiel la infanoj sciigis al la instruistoj pri sia malkovro kaj pri la sekvanta kruela puno, EROŜENKO rakontos, kun amara ironio, en la “Unu paĝeto en mia lerneja vivo”, verkita en Esperanto kaj unuafoje eldonita en 1923 en Ŝanhajo. Eble tiu unua renkonto kun aziano semis intereson pri Orienta Azio en lia scivolema animo...

Post fino de la lernejo, EROŜENKO ludis violonon en blindula orkestro de moskva restoracio. Tiam li konatiĝis kun Anna ŜARAPOVA – instruistino de la angla kaj propagandistino de Esperanto. Tiu renkontiĝo fariĝis vere destina en lia vivo. Ŝi informis lin pri la Reĝa Kolegio kaj Akademio de muziko por blinduloj apud Londono, kaj ke tie li povas plustudi. Tre baldaŭ EROŜENKO flue regis Esperanton, kaj ŜARAPOVA preparis lin por la longa vojaĝo.

En 1912 en la revuoj *Slepec (Blindulo)* kaj *Vokrug Sveta (Ĉirkaŭ la Mondo)* aperis artikolo “Vojaĝo de rusa blindulo al Londono”. Tie oni skribis, ke 22-jaraĝa Vasilij EROŜENKO... tiel profunde ellernis Esperanton – ĉefe dank’ al brajla angla-Esperanta vortaro, londonaj revuoj, libroj kaj korespondado kun esperantistoj de Anglio, – ke li rapide ellernis ankaŭ la anglan lingvon. Li eĉ mirigis la anglojn mem per sia kono de la angla porblindula stenografio. La revuo ankaŭ informas, ke dumvoje al Londono al li multe helpis ne nur vidpovuloj, sed ankaŭ blinduloj.



Vasilij EROŜENKO en Japanio, 1916

"La lampo de Aladeno ne povus helpi al mi pli, ol la verda esperantista steleto; mi estas certa, ke neniu geniulo de arabaj fabeloj povus fari por mi pli, ol la geniulo de reala vivo – Doktoro ZAMENHOF, kreinto de Esperanto", – skribis EROŜENKO en la skizo “La unua eksterlanda vojaĝo”.

## Nova patrujo, nova familio

En Londono li komencis studi la palian – la lingvon de la sanktaj libroj de budhismo. Eble tiam li decidis vojaĝi al Japanio. Li do revenis hejmen kaj prepariĝis por la vojaĝo: studis la japanan, korespondis kun esperantistoj de Japanio, Koreio, Birmo. Eble li sciis, ke en Japanio blinduloj ĝuas grandan respekton, kaj ekde antikva tempo ili havas monopolan rajton ludi kotoon kaj ŝamisenon kaj praktiki masaĝon. Krome, ankaŭ Esperanto en la Oriento tiutempe ĝuis grandan favoron kaj respekton.

**"La lampo de Aladeno ne povus helpi al mi pli, ol la verda esperantista steleto; mi estas certa, ke neniu geniulo de arabaj fabeloj povus fari por mi pli, ol la geniulo de reala vivo – Doktoro ZAMENHOF, kreinto de Esperanto"**

EROŜENKO atingis Tokion aprile 1914, perŝipe el Vladivostoko. Tie lin renkontis kaj gastigis NAKAMURA Kijo – membro de la Imperia Akademio de Sciencoj kaj ankaŭ esperantisto. Jen kion skribis pri tio Vasilij: “Lacigita de longa vojaĝo kaj noveco de impresoj, mi tuj endormiĝis. Vekiĝis mi je la sepa matene. Vekiĝis de la penso, ke min atendas *kajmej*. Hodiaŭ mi devas renaskiĝi. Hodiaŭ mi fariĝos la dua, la malpli aĝa filo, filo de NAKAMURA-san, kaj oni donos al mi novan nomon – interese, kiun?

...Mia nova familio estas granda kaj amika, same kiel en Obuĥovka (naskiĝvilaĝo de EROŜENKO – red.). Ankaŭ ĉi tie mi havas patron, patrinon kaj ses gefratojn...

...Plejmulte pri mi zorgis Toŝiko, la malplej aĝa el miaj fratinoj, sep– aŭ okjara knabino. Ŝi plenumis siajn bonvolajn taskojn tre serioze, plenkreskece. Foje, mi prenas iun objekton, kaj ŝi prononcas ĝian nomon japane. Mi ripetas la japanajn vortojn kun rusa akĉento, sentas, ke tio sonas amuze. Tamen ŝi ne ridas, sed zorgeme korektas, ĝis kiam ĝi sonas korekte. La korektan prononcon mi skribas brajle sur apartaj kartetoj, por poste ripetlerni dumnokte. La sekvantan tagon... mi jam flue elparolis “*ohajo gozaimasu*, Toŝiko” – “bonan matenon, Toŝiko”, sed mia malpli aĝa fratineto respondis per tiel longa saluto, ke pro plurfojaj riverencoj, kiujn necesas fari en tiuj okazoj, ekdoloris mia dorso...”



Vasilij EROŜENKO en Tokio kun A.ALEXSANDER, 1915

En la Tokia lernejo por blinduloj Vasilij studis kvar studobjektojn: medicinon, la japanajn lingvon kaj literaturon, psikologion kaj muzikon. Pagis por la studoj lia nova patro. Speciale por EROŜENKO oni invitis instruiston de masaĝo. La japanan literaturon instruis profesoro, kiu scipovis la rusan.

Dum sia restado en Japanio, EROŜENKO estis tre aktiva: li partoprenis en diversaj societoj (ofte radikalanarĥiistaj), instruis Esperanton, praktikis arton (li skulptis per argilo), organizis diskutojn pri arto, multe prelegis (ofte kantante rusajn kantojn dum prelegoj) kaj ankaŭ aktivis en teatro – havante ablsolutan tonsenton, li tre precize komprenis la sencon de replikoj en ĉiuj roloj.

Jam en januaro 1916 oni publikigis liajn rakontojn (la unua – “Rakonto de lanterno” – estis verkita post nur 1,5 jaroj da restado en Japanio). Interesiĝis li ankaŭ pri bahaismo: li tradukis el la angla en Esperanton *Kaŝitaj vortoj* de Bahá’u’lláh.

Per ideoj de bahaismo estis trikitaj ankaŭ tiutempaj prelegoj de EROŜENKO.

## “Maltro da spaco kaj tro da feliĉo”

En 1916 inter Rabindranato TAGORO kaj EROŜENKO okazis arda disputo (la hinda verkisto prelegis en Tokio pri diferencoj inter religioj kaj kulturoj de Oriento kaj Okcidento). EROŜENKO malkonsentis pri la ĉefa argumento de Tagoro, ke okcidenta civilizacio estas materiisma civilizacio, sed la kulturo de Hindio estas plene spirita. La rusa poeto pruvis, ke materiismo ne estas fremda ankaŭ al hinda filozofio. “Eble vi estas kristano, – diris Tagoro, mirigita de la scioj de la blindula oponanto. – Tiel do oponu al vi budhisma pastro”. – “Ne, mi estas nekredanto, – respondis EROŜENKO. – Vidu, mi havas miajn propran rilatojn al eklezio”. – “Nekredanto? – Tagoro estis surprizita. – Sed kio do maltrankviligas

vin en nia disputo?” – “Al mi ŝajnas, ke vi, apogante vin al budhismo kaj kristanismo, kontraŭmetas la kulturojn de Eŭropo kaj Azio. Same kiel KIPLING, kiu skribis, ke Okcidento estas Okcidento, kaj Oriento estas Oriento, kaj kune ili neniam estos. Do jen, pri tio mi ne povas konsenti. Niaj kulturoj havas multon similan, kaj se ni foje ne komprenas unu la alian, tio estas pro nekono de lingvoj. Kaj ankaŭ pro naciistoj, kiuj incitas unu popolon kontraŭ alian”. – “Diru, kiu vi estas”, – petis post la disputo la hinda verkisto. “Mi venis el Rusio, fabelojn mi verkas japane, kaj miaj amikoj nomas min japana poeto”, – finis EROŜENKO je ĉies aplaŭdoj.

**“Ni foje ne komprenas unu la alian pro nekono de lingvoj. Kaj ankaŭ pro naciistoj, kiuj incitas unu popolon kontraŭ alian”**

El la leteroj de EROŜENKO: “Pasintdimanĉe mi havis strangan humoron: mi volis flugi en aeroplano (*malnova vorto por speco de aviadilo – Red.*), kaj mi iris al la fama usonano SMITH kaj petis lin preni min, sed li rifuzis plenumi mian peton. Li diris, ke en Japanio li ne prenas pasaĝerojn...” (aprilo 1916). “...Mi devas kiel eble plej baldaŭ foriri de Japanio, sed pluraj baroj tenas min, kaj eble mi restos ĉi tie ankoraŭ kelkajn monatojn. La lernejo ne postulas de mi pagon, do, mi povas resti tiel longe, kiel mi volas. ...Mi ne pagas por la loĝado, kaj la gastigantoj eĉ petas min ĉiam loĝi kun ili. Jen vidu, mi povas nun lerni kaj loĝi sen ajnaj zorgoj. Multaj homoj eble revas pri tio, sed ne mi...

Ne feliĉon mi serĉas, nek sukcesojn deziras. Nun, kiam ĉio fluas tiel feliĉe por mi, mi pli ol kiam ajn pensas pri fuĝo, rezignas feliĉon, malestimas bonfarton, ne aprezas sukcesojn en Japanio; atinginte sukceson, mi rifuzas ĝin sen ajna bedaŭro.

Tre ofte mi volus havi kronon nur por povi ridante ĵeti ĝin al la piedoj de preterpasantoj. Kiel ofte mi ŝatus esti en la paradizo, kun dioj kaj anĝeloj, nur por rifuzi firmamentajn ĝuojn kaj aliĝi al suferantoj, flamantaj en la ĉiama fajro... La sola afero, kiu malĝojigas min, estas ke baldaŭ forgesos min tiuj, kiujn mi tiel amis, kaj kiujn mi neniam forgesos...”

Pri sia estado en Japanio EROŜENKO foje diris: “Maltro da spaco kaj tro da feliĉo”. La trian de julio 1916 li forlasis Japanion, kaj komenciĝis liaj vojaĝoj tra Sud-Orienta Azio: Siamo (la nuna Tajlando), Birmo, Hindio... Vasilij EROŜENKO lernis lingvojn, ekkonis la staton de edukado kaj instruado de blinduloj en tiuj landoj, organizis porblindulajn lernejojn, esploris lokajn tradiciojn kaj folkloron, kolektis popolajn legendojn. Sian malgrandan ŝparmonon li donacis al lokaj blinduloj.

## Oni dissîris liajn okulojn por certiĝi, ke li estas blinda...

En januaro 1917 EROŜENKO alvenis al Birmo, kie oni proponis al li la direktoran postenon en porblindula lernejo, sed li malakceptis tion kaj laboris kiel simpla instruisto. Kun siaj lernantoj li vizitis plurajn antikvajn birmajn urbojn.

Kiam la novaĵo pri la februara revolucio en Rusio atingis Birmon, EROŜENKO altiris al si atenton de la registaro: oni komencis observi lin. En novembro, eksciinte pri la revoluciaj okazaĵoj en Rusio, li volis reiri hejmen, sed oni ne donis al li vizon. Baldaŭ li estis arestita kiel... germana spiono!

En septembro EROŜENKO forveturis al Hindio (jam la duan fojon), esperante de tie reveni al Rusio, sed la registaro malpermesis al li foriri el la lando kaj eĉ forlasi la hotelon, kie li loĝis. Tamen Vasilij sukcesis fuĝi. Li vojaĝis tra la lando, esplorante Hindion kaj registrante (japane) hindajn legendojn. Post kelkaj monatoj oni arestis kaj venigis lin en Kalkaton, kie li provokis sian ekzilon: li kantis *La Internacion* – eble la plej revolucian kanton – en kinejo, tradukante la vortojn en la bengalan. La rezultoj estis antaŭvideblaj: oni ekzilis EROŜENKOn kiel bolŝeviston ekster la limojn de la Brita Imperio. Helpe de siaj esperantistaj amikoj, dum halto en Ŝanhajo li enŝteliĝis en japanan kargoŝipon kaj tiel kaŝe revenis al Japanio. Tie li daŭrigis tre aktivan soci-revolucian vivon.

En majo 1921, post la malpermeso de la Socialisma Ligo de Japanio,

**“Ne feliĉon mi serĉas, nek sukcesojn deziras. Nun, kiam ĉio fluas tiel feliĉe por mi, mi pli ol kiam ajn pensas pri fuĝo, rezignas feliĉon, malestimas bonfarton, ne aprezas sukcesojn en Japanio; atinginte sukceson, mi rifuzas ĝin sen ajna bedaŭro”.**

EROŜENKO estis arestita (tio estis jam la dua aresto en Japanio). Oni postulis lian ekzilon kaj “traktis lin eĉ pli aĉe ol oni traktus senhejman hundon”. Foje oni provis eĉ dissîri liajn okulojn por certiĝi, ke li vere estas blinda. “Se ili estus homoj, ili tuj mortigus sin pro honto”, – kun doloro kaj indigno oni skribis en la gazeto *Jomiuri Ŝimbun*. Neniu el multenombraj amikoj de EROŜENKO estis permesita adiaŭi lin. Informoj pri la turmentoj de la blinda poeto tre baldaŭ disvastiĝis ankaŭ ekster Japanio.

## Eterna vagabondo!

Interna milito tiutempe skuis ankaŭ orient-azian Rusion, kaj oni ne enlasis EROŜENKOn en lian patrujon (tamen li mirakle evitis areston!). Do, li perpiede vojaĝis al Ĉinio – ja ankoraŭ ne ekzistis transsiberiaj trajnoj. En Ŝanhajo oni invitis lin instrui en la Instituto de Mondaj Popoloj. Ankaŭ tie li multe verkis en Esperanto.

En oktobro 1921 aperis literatura aldonaĵo al pekina gazeto, plene dediĉita al la vivo kaj verkoj de EROŜENKO. Dank’ al tio, la fama ĉina poeto Lusin ekinteresiĝis pri li, kaj ĝis la fino de lia vivo ili restis amikoj – malgraŭ distancoj kaj ofte sen ajnaj ebloj interkomunikiĝi... Lusin faris multon por Vasilij EROŜENKO: li ne nur tradukis liajn verkojn en la ĉinan, sed ankaŭ rekomendis lin al rektoro de la Pekina Universitato. Tie EROŜENKO dum kelka tempo instruis Esperanton kaj rusan literaturon.

La 14an UK-n en Helsinko (1922) li partoprenis kiel reprezentanto de Ĉina Esperanto-Ligo. Post unu jaro, dum la 15a UK en Nurenbergo, li ricevis la unuan premion de la plej bona Esperanta prononco. La prezidanto de la ĵurio E. PRIVAT diris, ke oni donas la premion “ne nur por la verko, sed por lia tuta vivo”...

Printempe 1924 en Parizo EROŜENKO renkontiĝis kun la prezidanto de la Tutmonda Blindula Organizo kaj ĉeestis lekciojn en Sorbono. En la somero de la sama jaro li partoprenas la UK-on en Vieno, dum kiu estis fondita la Universala Asocio de Blindaj Esperantistoj.

Ekde 1924 ĝis sia morto EROŜENKO loĝis en Sovetunio (nur en 1932 li sukcesis partopreni la UK-n en Parizo). Unue li laboris kiel profesoro, poste kiel tradukisto de la japana. Kun indigno li rifuzis la proponon kunlabori kun la sovetia sekreta servo kaj spioni eksterlandanojn. Tuj post tiu rifuzo okazis problemoj kun korespondado, kaj “ial” forbrulis lia arĥivo. (Bedaŭrinde, tio ne estis la lasta arĥivo neniigita en fajro...) Pri tiu periodo en la vivo de EROŜENKO ni ne scias multon, kaj do devas tre ofte “legi inter la linioj...”

En 1929 li vojaĝis al la Arkta Cirklo, al la duoninsulo Ĉukotka, kie lia frato loĝis kaj laboris kiel bestkuracisto. Dum mallonga tempo li lernis la ĉukĉan lingvon. EROŜENKO eĉ povis gvidi hund-jungitaron kaj ĉasi (li orientiĝis nur per sonoj!)... Foje unu vojaĝo al tundro preskaŭ finiĝis tragike: lin trafis neĝoŝtormo, dum li estis 70 km for de la domo, sed li estis savita de hundo, kiu trovis lin en la neĝomontoj. La literatura rezulto de tiu aventuro


NAKAMURA Cune. Portreto de EROŜENKO. 1920

estas la libro *El vivo de la ĉukĉoj,* originale verkita en Esperanto. Reveninte de la nordo, li kelkan tempon laboris kiel instruisto en Ukrainio.

Poste li vojaĝis en la Arkta Oceano sur glacirompa ŝipo. “Li ja estas eterna vagabondo”, – oni respondis en la letero al lia ĉina amiko (sopirante sian amikon, ĉina esperantisto skribis al Rusio por ekscii pri la sorto de EROŜENKO)...

Kaj poste en lia vivo estis Mez-Azio. Inter 1934 kaj 1944 EROŜENKO loĝis en Turkmenio, kie li fondis kaj estris la unuan internulejon por blindaj infanoj. Lerninte la turkmenan lingvon, li ellaboris reliefan brajlo-literaron, kiu poste estis agnoskita kiel la plej bona el ĉiuj ĝistiamaj projektoj... Sed ĝis la fino de lia vivo la sovetiaj sekretaj servoj ne lasis la “suspektindan” EROŜENKOn – antaŭ ĉio pro Esperanto kaj pro “tro memstara pensado”.

Estas vere ironie, ke en Hindio oni konsideris lin germana spiono, en Japanio – sovetia spiono, en Ĉinio – radikala anarĥiisto. Kies spiono oni konsideris lin en Sovetunio? Kiu estis la kaŭzo de la ĉiama kaŝobservado? Kial oni ĉiam malfermis liajn korespondaĵojn? Kio estis la kialo de la ĉiamaj enketadoj kaj forbruligo de liaj arĥivoj? Eble baldaŭ ni tion ekscios...

Kiam komenciĝis la milito, oni forprenis lin de la direktora posteno kaj faris lin simpla instruisto. La internulejo estis translokita for de la landlimo...

En 1951 la sano de EROŜENKO draste malboniĝis. Anoncante la diagnozon, la kuracisto eĉ ne povis supozi, ke tiu modesta paciento konas pli ol dek eŭropajn kaj kelkajn orientajn lingvojn, kaj ankaŭ la latinan, en kiu estis eldirita la verdikto... Eksciinte, ke lia vivo ne daŭros longe, EROŜENKO komencis siajn lastajn vojaĝojn por adiaŭi siajn amikojn kaj parencojn, kiuj loĝis en la plej diversaj partoj de Sovetunio. Li sukcesis eĉ ĉasi kun gvidanto en jakuta tajgo, sed lia revo vojaĝi perpiede kun hundo-gvidanto de lia naskiĝvilaĝo ĝis Vladivostok, bedaŭrinde, ne realiĝis...

**el la rusa trad. Ĵenja ZVEREVA**

* ĉukĉo – ano de gento, loĝanta en duoninsulo Ĉukotko kaj apudaj teritorioj (nord-orienta Siberio)

**Pli detale (en la rusa) ĉe: <www.eroshenka-epoko.narod.ru>, <www.gosha-p.narod.ru>**

# La mirinda homo

*(mallonga skizo pri la vivo de EROŜENKO)*

MINE JOŜITAKA, Japanio

Vasilij EROŜENKO naskiĝis en 1890 en Rusio, kaj perdis vidkapablon, kiam li estis 4-jaraĝa. Post lernado en blindula lernejo en Moskvo, li fariĝis membro de blindula orkestro. En 1912, lerninte Esperanton kaj aŭdinte pri ĝia utileco, li sola kun la verda stelo faris sian unuan eksterlandan vojaĝon al Anglio, kun helpo de esperantistoj en Germanio, Francio kaj Anglio. Li volis plu lerni muzikon en Londono, sed post duonjara lernado li revenis al Moskvo.

Kaj tamen baldaŭ lin allogis Japanio. Li aŭdis, ke en Japanio blinduloj vivtenas sin per masaĝado kaj aliaj metioj, kaj en 1914 li jam estis en Tokio. Li estis bonvenigita de tieaj esperantistoj kaj pere de ili ankaŭ konatiĝis kun intelektuloj, kiuj havis socian influon. Ankaŭ li mem donis bonan influon al japanaj blindulaj amikoj, el inter kiuj poste kreskis kelkaj gvidantoj de la blindula movado en Japanio. Li tamen baldaŭ forlasis la novajn amikojn kaj migradis tra sud-aziaj landoj: Tajlando, Birmo kaj fine Hindio.

Ĝuste tiutempe okazis la Rusia revolucio, kaj li fariĝis suspektinda por la brita kolonia registaro, kiu forpelis lin el Hindio. En 1920 li denove sin montris en Tokio, kaj baldaŭ komencis verki en la japana lingvo: li rakontis fabelojn, kiujn surpaperigis liaj amikoj, kaj tiamaniere debutis kiel verkisto en japanaj gazetoj. Li estis adorata de progresemaj junuloj kiel la blinda poeto de la revolucio. En 1921 la japana polico forpelis lin kiel danĝerulon al Vladivostoko en Siberio.

Ĉar lian eniron tamen ne permesis la sovetia registaro en orienta Siberio, li do turnis sin al ĉinaj esperantistoj en Ŝanhajo. En Ĉinio li estis varme akceptita kiel revolucia profeto, ekzilita el Japanio. En Ŝanhajo li komencis verki en Esperanto, kaj ĉinaj amikoj tradukis la verkojn en la ĉinan, publikigis en ĉinaj gazetoj kaj eldonis la originalojn libroforme. Li ankaŭ gastis ĉe la konata ĉina verkisto Lusin en Pekino kaj prelegis pri Esperanto kaj la rusa literaturo en la Pekina Universitato.

De Ĉinio li vojaĝis al Finnlando, kie li partoprenis la Universalan Kongreson en Helsinko; poste li partoprenis la du postajn Universalajn Kongresojn en Nurenbergo (Germanio) kaj Vieno (Aŭstrio). Post dujara vagado en Eŭropo li revenis al Moskvo nur en 1924. Kvankam oni scias malmulton pri lia vivo en Sovetunio, oni tamen scias, ke li ne sidis senfare en Moskvo, sed vagadis tra la lando: li loĝis foje inter ĉukĉoj, foje en Turkmenio kiel instruisto de blindula lernejo. Kelkaj el liaj verkoj pri ĉukĉoj aperis en "Ligilo" de LIBE (Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj). En 1952 li mortis en sia hejmvilaĝo pro kancero.

En Japanio oni eldonis lian plenan verkaron kaj liajn biografiojn. Mi mem kompilis ses volumojn de liaj verkoj en Esperanto, originalaj kaj tradukitaj el la japana. La sesan volumon, *Cikatro de Amo*, mi povis kompili dank' al kunlaboro de ĉinaj amikoj, kiuj retradukis liajn fabelojn el la ĉina. Ili estis verkitaj originale en la japana, sed la originalaj tekstoj estas perditaj kaj restas nur ĉinaj tradukoj faritaj de Lusin. En liaj verkoj, verkitaj per facilaj vortoj, abundas poezieco kaj amo al suferantaj homoj, sopiro al libereco, justeco kaj la homara kunvivado.




**La libroservo de UEA (<www.uea.org/katalogo>) proponas:**

**Cikatro de amo**. *Vasilij EROŜENKO*. Tradukis Shi Chengtai kaj Guozhu. JELK. Toyonaka. 1996. 113 paĝoj. Prezo: 6,60 EUR (kvar fabeloj verkitaj en 1922-23).

**El vivo de la ĉukĉoj**. *Vasilij EROŜENKO*. Moskvo. 1992. 47 paĝoj. Prezo: 1,80 EUR (skizoj pri nordsiberia popolo dum stalinismo).

**La kruĉo da saĝeco**. *Vasilij EROŜENKO*. JELK. Toyonaka. 1995. 94 paĝoj. Prezo: 6,60 EUR (kvar fabeloj, lastaj verkoj de la aŭtoro).

**Lumo kaj ombro**. *Vasilij EROŜENKO*. JELK. Toyonaka. 1979. 95 paĝoj. Prezo: 5,70 EUR (noveloj, poemoj kaj artikoloj).

**Malvasta kaĝo**. *Vasilij EROŜENKO*. Tradukis M. MIYAMOTO. JELK. Toyonaka. 1981. 87 paĝoj. Prezo: 5,10 EUR (kvar origine japanlingvaj fabeloj).

**Stranga kato**. *Vasilij EROŜENKO*. Tradukis Y. MINE. JELK. Toyonaka-si. 1983. 82 paĝoj. Prezo: 5,10 EUR (ses rakontoj kaj du paroladoj).

**La tundro ĝemas**. El vivo de ĉukĉoj. *Vasilij EROŜENKO*. Toyonaka. 1980. 83 paĝoj . Prezo: 5,70 EUR (skizoj pri la malgranda arkta gento).

**La libroservo de la Ukraina E-Asocio proponas:**

**Fabeloj kaj legendoj**. *Vasilij EROŜENKO*. Kiev. 2004. Prezo: 4 USD (15 fabeloj kaj legendoj; la libro estas en la ukraina lingvo). Kontaktu: a.k. 26, Lucjk-18, UA-43018. <niko_helianto@yahoo.com>.

***Viaj opinioj estas bonvenaj ĉe nia adreso:***

# "Ni multas, kaj ni nevenkeblas!"

*Paŭlo MOĴAJEV, Ukrainio (Krimeo)*


FOTO: TIMĈENKO E., NTO

Dum la unuaj revoluciaj tagoj

**Kiam mi skribas ĉi tiujn liniojn (komence de decembro), la atento de multaj amaskomunikiloj tra la tuta mondo estas katenita al mia patrujo – Ukrainio. Pri la faktaj eventoj oni verŝajne jam pli-malpli scias. Do mi ne ripetos la ĵurnalistojn, sed nur provos pritaksi la okazintaĵojn de la pozicio de averaĝa civitano.**

Kiam temas pri prezident-elektoj, la elekto ĉiam estas farata ja iusence blinde, ĉar neniam oni povas perfekte scii pri ĉiuj avantaĝoj kaj malavantaĝoj de ĉiu kandidato. Tamen, dum la nuna elekt-kampanjo, mi havis bonan eblon malblindiĝi. Laŭ mia laika opinio, subtenindas tiu, kies agoj aspektas pli honestaj, pli justaj. Kaj pri la honesteco de la kandidatoj la elekt-kampanjo atestis plej elokvente.

Ĝi estis farata laŭ tute maldemokratiaj principoj: la porpotenca kandidato ricevadis multoble pli da tempo en gazetaro kaj televido, dum eĉ malmultaj mencioj pri la opozicia kandidato estis plejparte negativaj. Estis lanĉitaj multaj misopinioj pri la opoziciulo – ke li estas naciisto, faŝisto ktp. (eĉ se lin subtenas naciismemaj fortoj – ĉu do tio signifas, ke li mem estas naciisto? Tio estas enigmo por mia kapo – almenaŭ liaj propraj deklaroj ne konfirmas tion). En mia regiono – Krimeo, kie loĝas multaj krimeaj tataroj, malagrable tiklantaj la fian memkontenton de rusaj naciistoj – tre "popularis" la onidiro, ke la opoziciulo "promesis fordoni Krimeon al la tataroj", ke "ĉiuj tataroj estas por li" (tamen, tiu stultaĵo estas facile renversebla per simpla aritmetiko – se en Krimeo ĉiuj tataroj estus voĉdonintaj por la opoziciulo, li ricevus preskaŭ duoble pli da voĉoj, ol li fakte ricevis).

Por mi estas abomeninda afero, kiam oni, penante atingi la celon, uzas la artifikojn, kiuj fiuzas naciajn sentojn de la homoj. Kaj krom la ĵus menciita fiaĵo estis ankoraŭ multe da tiaj.

Ekzemple, estis denove promesite fari la rusan lingvon ŝtata (ĉ. kvaronon de la loĝantaro en Ukrainio konsistigas etnaj rusoj, sed eĉ pli da homoj uzas la rusan lingvon kiel hejmlingvon). Mi diras "denove", ĉar antaŭ dek jaroj la nuna prezidento – kies postsekvanto estas la porpotenca kandidato – promesis ja la samon (kaj kompreneble "ne sukcesis" plenumi la promeson dum 10 jaroj). Krom doni neplenumotajn promesojn, oni timigas la loĝantojn de la orienta kaj suda partoj de Ukrainio per rakontoj pri naciismaj okcident-ukrainianoj, kiuj "malamegas la rusojn kaj nepre buĉos ilin ĉe la unua okazo".

Memkompreneble, indis atendi, ke aperos multe da kritiko, adresita al ambaŭ kandidatoj. Sed tio, kion mi vidis, superis ĉiujn miajn atendojn: sur ĉiu fosto oni povis legi, ke la opoziciulo estas trompisto, fiulo, krimulo kaj eĉ satano mem (eĉ eklezio enmiksiĝis – kelkaj konfesioj el inter la disvastigitaj en Ukrainio pli aŭ malpli malkaŝe admonis voĉdoni por la porŝtata kandidato). La kritikon mi eĉ ĝojus akcepti, sed kiam sur la homon estas verŝata nura koto – tio igas min iom enpensiĝi.

Plie, en Ukrainio fariĝis jam bona tradicio, kiam antaŭ diversaj elektoj abrupte pligrandiĝas salajroj, stipendioj kaj pensioj. Ĉi-jare la kutima afero alprenis plej abomenan eksteraĵon: sur ĉiu angulo, sur ĉiu fosto kaj barilo belisfrapis la anoncoj, ke "la pensioj estas jam pligrandigitaj!" Mi miras, ĉu estas demokratia, aŭ entute laŭetiketa afero kriaĉi pri sukcesa plenumo de siaj devoj?! Ja labori por bonstato de la popolo estas devo – ne hobio! – de la ĉefministro. Kaj nur iom poste evidentiĝis, ke fakte tiu "pligrandigo" estas nur provizora aldono al la pensioj, ke la ministraro tute ne antaŭvidis la fontojn por financado de tiu "pligrandigo" en la ŝtata buĝeto por la sekva jaro! Ĉu eblas paroli pri iu dececo, pri iu elementa homa edukiteco?

Post tiom frapaj priskriboj ĉu indas aldoni, ke la elektoj mem en la dua voĉdono okazis kun plej trančaj rompoj de la leĝo? En la orientaj regionoj la vizitateco de multaj elektejoj estis pli ol cent-procenta – tioman aktivecon ne ĝuis eĉ sovetiaj elektoj! Sed kial mi parolu?! La kortumo mem oficiale agnoskis la duan voĉdonon nevalida, agnoskis, ke ĝi okazis kun multegaj fuŝoj kaj misoj! Kompreneble, eblas paroli pri multaj aliaj aferoj, detaloj ktp., pridiskuti la personecojn kaj avantaĝojn de la kandidatoj, sed ĉio ĉi estos afero subjektiva. Mi parolas pri la aferoj objektivaj – pri tio, kion mi vidis. Se la porpotenca kandidato al prezidenta posteno jam nun kuraĝas konduti tiel kontraŭleĝe, tiel maljuste – ĉu mi do subtenu lin?

La sola afero, kiu iom mildigas la bildon de la ŝtata kandidato, estas tio, ke li – onidire! – estas genia ekonomiisto, ja la ekonomio de la lando (denove onidire!) galope progresas. Tamen por mi, kiel por ordinara civitano tio estas stranga, ja mi tute ne sentas tion! Laŭ mia sento, galopas nur la prezoj. Kaj laŭ la pli sobraj ekonomiistoj, la ŝtatbuĝeton minacas deficito plej granda dum ok lastaj jaroj, la pligrandigoj de la buĝet-enspezoj okazas preskaŭ nurnure dank' al privatigo de grandaj industriaj entreprenoj (do, fakte, dank' al forvendo de la ŝtata havaĵo). Mi do demandas – en kies poŝon iras la fruktoj de la fifama ekonomia miraklo? Se

la bonstato de la popolo kreskas, kial do la loĝantarkvanto daŭre falas?

Tion, kio okazas en la lando nun, multaj pritaksas diversmaniere. Sed mi plene subtenas la aktivadon de malkontentuloj. Bedaŭrinde, la eventoj de la lasta monato montris al mi kun pleja freŝeco, kiel putra estas mia lando kaj ties socio, kiel pasivas, misformas kaj fetoras la ĉi-tiea socia kaj politika vivo. Sed la eventoj samtempe pruvis al mi, ke ne nur mi malkontentas pri la nuno, ke en la lando maturiĝas pli freŝa generacio, kiu preferas vidi, tuŝi, palpi la fruktojn de ies agado, sed ne kredi ies facilanimajn promesojn kaj deklarojn. Kaj vizitante la mitingojn, mi tutanime subtenis la sloganojn de opozicio: "Nas bahato i nas ne podolati!" – "Ni multas, kaj ni nevenkeblas!"

## Oranĝa: la koloro de agresemo

*Tatjana* AUDERSKAJA*, Ukrainio (Odeso)*

En nia lando nun okazas tipa puĉo: perforta provo renversi ŝtatan reĝimon. Grandaj homamasoj, gvidataj de lertaj manipulistoj, inundas placojn de la ĉefurbo kaj minacas al la ŝtatorganoj. Tiaj ekscititaj amasoj estas reala minacpovo; kaj sub ilia influo la centraj ŝtatorganoj kaj eĉ la Konstitucia Juĝejo akceptas solvojn, kiuj montras ne juston kaj rajton, sed simple la timon antaŭ la tumulto; ne noblan, sed tute kompreneblan sintenon. Sed la puĉistoj nomas sin "demokratoj"; kaj tiu sorĉa vorto, kvazaŭ la kapo de Meduzo, ŝtonigas oponantojn. Ili ne plu pensas, agas kaj moviĝas memstare; kiel hipnotigitaj, ili rigidiĝas kaj permesas ion ajn je la sankta vorto *demokratio*. Iu ajn, kiu nomas sin demokrato, rajtas akiri plenan kaj senrezervan subtenon kaj apogon de la "unua mondo", la plej riĉaj niaj landoj.

Kiam Usono bombadas sendependajn landojn, kiuj situas en aliaj mondopartoj, je dekmiloj da kilometroj for de ĝia teritorio, ĝi faras tion "por savi la *demokration*". Kiam ĝi jam senkaŝe subtenas kontraŭregistarajn reĝimojn en tiaj landoj – ĝi ankaŭ subtenas la *demokration*. Ĝi bombadas Jugoslavion per obusoj kun uranio: se jugoslavoj ne volas esti demokratiaj, estu ili ekstermitaj! Ja por Usono ne estas io nova ĵeti atombombojn: ili ja havas bonan sperton, agnoskitan de la tuta mondo de la 6a kaj 9a de aŭgusto 1945! Post la falo de Sovetunio kaj ĝia sistemo, la mondo provizore iĝis unupolusa; kaj tiu stato estas tute nenormala por ajna vivanta sistemo. Imagu la mondon, en kiu restus nur viroj!

Kaj dum ne aperis alia kontraŭa forto, nia mondo salte moviĝas al kolapso. Usono konkeras jen tiun, jen alian landon, paralizante ĝian vivon kaj akirante la naturrimedojn. Ja tiu lando, okupante nur ĉ. 7% de la monda teritorio kaj havante ĉ. 5% de la monda loĝantaro, konsumas 40% de la mondaj naturrimedoj! Kaj kiel ĉiu konsumanto, ĝi volas konsumi pli kaj pli. La ŝtata ŝuldo de Usono nun estas 5200 miliardoj da dolaroj! En la nuna tutmonda ekologia krizo gvidantoj de Usono jam delonge trovis la eliron: ili ne limigu siajn bezonojn por la bono de la homaro, kiel farus normalaj homoj; ne, ili estas "superhomoj". Ili prefere tute neniigus loĝantarojn de aliaj landoj, kun duobla profito: eluzi ties naturajn rimedojn kaj ekstermi ties loĝantaron – konkurantojn por la rimedoj. Ja sur la Tero baldaŭ mankos puraj akvo kaj aero; kaj ju malpli da konsumantoj restos, des pli multe restos por la restintoj. Jen kialo de multaj militoj, kiujn haste komencas Usono.

Ĝi apogis sin al la t.n. "kompradora burĝaro", kiu tre rapide aperis en iuj landoj. Origine tiu nocio devenas de latinamerikaj landoj, kies novaperinta riĉularo apogis usonajn interesojn kontraŭe al la bezonoj kaj interesoj de sia propra popolo. Nu, tiuj landoj estas almenaŭ apud Usono, sed kial fidelaj servantoj de Usono aperis en mondopartoj plej foraj de ĝi? La respondo estas tute klara: mono. Eĉ kun sia terura ŝtatŝuldo Usono malavare pagas por komplotoj en aliaj landoj; supozeble, ne per sia mono, sed per la mono elsuĉita el unu lando ĝi disfaligas aliajn kaj tiel plu. Kaj nun ni respondu kelkajn demandojn koncerne niajn okazaĵojn. Unue: kial komenciĝis la puĉo en Ukrainio, kiun okcidentanoj senestime nomis "blanka makulo sur la mapo de Eŭropo", kaj pri kiu neniu vere atentis? Pro tio, ke la lando vere estas atentinda: granda, situanta meze de Eŭropo, kun vastaj fekundegaj kampoj kaj klera popolo... Ĝi povus esti bonega rezervejo de senpaga, tamen bone edukita kaj kvalifikita laborforto por okcidentaj landoj, kaj ankaŭ ties konsummerkato. Kaj ĝi preskaŭ fariĝis tia dum la lastaj dek jaroj. Dum tiu tempo la lando estis konstante ruinigata kaj prirabata. Do, diri, ke JANUKOVIĈ estas krimulo, kaj pro tio ne endas doni al li la potencon, estas plena hipokriteco: ekde la komenco de la sendependeco la reala potenco en la lando apartenis al veraj krimuloj; ilin speciale protektis kaj promociis la regantoj, ĉar ili estis la sola forto, al kiu povis sin apogi en sia propra lando nia "kompradora" registaro.

Kaj krome JANUKOVIĈ jam du jarojn estis la ĉefministro, do, ankaŭ reganto. Kial dum tiu tempo neniu indigniĝis aŭ eĉ rimarkis, ke li estas krimulo kaj jen subite "ekjukis" neelteneble? Mi timas, ke la respondo estas, ke li estis *la unua*, kiu ekokupiĝis pri reala ekonomio de Ukrainio; ke li ekzorgis pri sia propra lando, sed ne pri fremdaj interesoj. Ja ĉiuj ekonomiaj indikoj dum lia oficperiodo rimarkinde kreskis; kaj ĝuste tio estis la vera kialo de la puĉo kontraŭ li. Tial alarmitaj eŭropaj gvidantoj ĉiutage vizitas Ukrainion kaj premas ties gvidantojn. Mi ne parolos nun pri politikaj kialoj: la danĝero de reunuiĝo kun Rusio kaj neebleco uzi la landon kiel bazlokon por milito aŭ ajnaj fiagoj kontraŭ Rusio. Ni limigu nin nur je ekonomio kaj psikologio.

Dua demando: jam klaras, ke la puĉo devis komenciĝi. La juŝistoj dekomence ja sciis, ke ili malgajnos, sed ne perdis la okazon preni la potencon perforte. Sed kial homoj subtenis la puĉon? De kie venas tiel amasaj manifestacioj? Kaj denove la respondo: mono (ja ne estas sekreto, ke multaj manifestaciantoj ricevas pagon). Ekonomio kaj psikologio en ilia nedisigebla kunligo.

En okcidentaj regionoj de Ukrainio oni subtenis JUŜĈENKON pro kelkaj kialoj. Li parolas ukraine, same kiel ili, kaj ĉie substrekas sian ukrainecon kaj fidelecon al la "ukraina afero" (sed ial eĉ ne mencias, ke lia edzino estas ne nur usona civitanino, sed eĉ laboris por la Blanka Domo kaj la Ŝtatdepartemento, t.e. ekstera ministerio, de Usono). En tiuj regionoj la loĝantaro havas malpli altan edukitecon, ĉar nur post aliĝo al Sovetio tie komencis aperi lernejoj kaj eĉ universitatoj por la ukraina loĝantaro de malgrandaj urbetoj kaj vilaĝoj. Lvovo antaŭ la milito estis pola urbo, kaj ukrainoj tie estis multe pli subpremataj de poloj, ol de la sovetia registaro. Aldone, tie ne troviĝis industriaj entreprenoj, kio ĉiam rezultigas limigitajn eblojn por disvolviĝo. La nesufiĉa disvolviteco de okcidentaj regionoj havas du sekvojn: unue, granda senlaboreco, kaj do, elmigrado kiel nekvalifikita laborforto al pli okcidentaj landoj; kaj due, kresko de sentoj de senespero kaj malamo al la regantoj, kio ĉiam okazas ĉe malalte edukitaj homoj en mizero, kiam ili ne povas apogi sin al la propraj fortoj.

Kaj ĝuste tia mensostato estas nutra buljono, aparte fekunda medio por faŝismaj movadoj, kiuj bezonas "gvidanton" (*Führer*), kiu pensos kaj decidos anstataŭ ĉiu, kiu ne kapablas pensi, kaj gvidos tiujn, kiuj pretas sekvi iun ajn kun ordona voĉo kaj bonaj promesoj.

Antaŭnelonge en nia televido oni montris la filmon de M. ROMM *La ordinara faŝismo*. Tio okazis antaŭ la dua etapo de la elektoj, kiam la subtenantoj de JUŜĈENKO ankoraŭ ne montris sin publike. Tamen, ĝuste la estonta "opozicio" tiel rabie kontraŭis la elsendon de la filmo, ke la kompanio, kiu anoncis ĝin, eĉ deklaris ke, se oni ne permesos montri la filmon en loka televido, ĝi faros tion enkadre de tutukrainia televidkanalo! Ni demandu, kial la opozicio tiel timis, ke la popolo spektos la filmon pri la okazintaĵoj de antaŭ 60-70 jaroj en fremda lando? Laŭ mi pro tio, ke *juŝismo = naŝismo = faŝismo* (la nomo de la partio de JUŜĈENKO estas *Naŝa Ukraina* [Nia Ukrainio]).

Kaj nun eĉ evidentiĝas tio, kion ni ne sciis antaŭ kelkaj semajnoj, sed ili ja sciis kaj planis: tiuj grandegaj organizitaj mitingoj, kie homoj omaĝas la gvidanton, kriante lian nomon; tiuj manifestacioj, kie ĉiu individua personeco kunfandiĝas kun aliaj en la sento de feliĉa propra plenforto. Ili ja planis ĝuste tion, kaj pro tio absolute ne deziris, ke oni ekkonu ilian modelon! Eĉ torĉprocesioj ripetiĝis, sed anstataŭ malmodernaj torĉoj aperis tute modernaj aŭtoj, ornamitaj per oranĝkoloraj strioj kaj kun muĝegantaj sirenoj.

Ni jam scias, kiel spertaj estas usonaj specialaj instancoj pri la psika influado al homoj. Sed ĉe ni, same kiel en Jugoslavio, estis uzitaj ne nur psikaj, sed ankaŭ tute materiaj rimedoj. Oni simple pagis.

Do, la tria demando: kial la puĉo fakte sukcesis? Ja se la junularo amase plenigis stratojn kaj placojn, subtenante iun movadon – tiu movado senkondiĉe kaj sendube venkis. Eĉ se JANUKOVIĈ reprenus la potencon, la semoj de indigno kaj kontraŭstaro jam ĝermas en la animoj de junaj homoj; ili jam ricevis la



FOTO: TIMĈENKO E., NTO

Tiel aspektis la centro de Kievo en decembro...


La ĉefplaco de Kievo kaj la apudaj stratoj plenaj je apogantoj de la opozicio


Ho, kia ludo!

INTERRETO

**_Republikigo de artikoloj el la rubriko "Opinie" eblas_ nur _kun eksplicita permeso de la redakcio kaj de la aŭtoroj._**

sperton de komuna travivaĵo, de sia propra potenco, kiam ili estas kune kaj kiam ili estas gvidataj de adorataj personoj. Kiam oni montris la vizaĝojn de gejunuloj surplace, sur ĉies vizaĝoj estis videbla plena kaj senlima *ekzaltiĝo* kaj *ĝojo*. Kaj individuaj intervjuitaj studentoj tiel klare esprimis siajn sentojn : "Mi estas feliĉa, ĉar mi estis kun samideanoj; en la placo ni povis senpere komunikiĝi kun la plej eminentaj personoj... Nia ĉefa sento estis ĝojo" Kaj alia eĉ pli klare: "Ni vivos en ĉi tiu lando; ĝi apartenas al ni, la junularo. Ni devas helpi al niaj pli aĝaj samlandanoj, montri al ili la ĝustan vojon, kiun ili perdis...". Nu, tion oni instruis al ŝi en Kievo; sed kial ŝi, en nia jam trrre merkata socio, ne komprenis ĝis nun, ke nenio estas donata senpage? Ke iuj por partopreni en mitingoj kaj manifestacioj ricevas pagon? Per kio ili repagos al siaj novaj mastroj?

Kaj jen ni, ŝajne, venis al la kerno de la problemo. La nuna junularo kreskis jam dum la sendependeco de Ukrainio. En la "bela nova mondo" oni forprenis de infanoj kaj gejunuloj ĉiujn eblojn evoluigi sian personecon, kleriĝi; oni forprenis de ili junularcentrojn kaj donis la domojn al riĉuloj. Kaj ne nur junularcentrojn oni forprenis – oni forprenis ankaŭ la esperojn kaj revojn. Nun tre malmultaj en Ukrainio post ricevo de universitata diplomo laboras laŭ la fako: oni strebas ne lerni, sed nur ricevi diplomon por povi finfine fari propran komercon, se ili naskiĝis en riĉa familio. Kaj malriĉaj studentoj devas labori ekde la fino de lernejo, samtempe kun studado. Sed tio plejparte ne estas kvalifika laboro, kiu helpus al ili ekmastri sian estontan profesion – plej ofte ili vendas diversajn (ofte nebezonatajn) aĵojn. Kaj nun ili denove vendas, sed ne ĉokoladon, razilojn aŭ cigaredojn, sed politikajn ideojn.

Kaj krome, kia grandega ludo estas proponita al tiuj, kiuj kreskis en severa tempo! Se la gepatroj perdis laboron aŭ, male, laboras tagnokte, ne havante trankvilan libertempon por ludi kun siaj infanoj, kune amuziĝi kun ili – la infanoj tiam ne havas infanecon. Ludado ja estas absolute necesa por normala evoluo de infano, sed la nuna tempo disponigas por ili nur komputilajn ludojn, ofte kun ties terura perfortemo. Kaj jen – eble, neniam en la vivo spertita sento de komuneco. Ili estas kune, kaj eĉ kune kun pli aĝaj estimataj personoj, kiuj ne estas iliaj eksmodaj aŭ trozorgemaj gepatroj, nek ekspluatemaj kaj trompemaj labordonantoj. La gravaj politikistoj, kiujn ili vidis foje en televido, jam iras korpe kaj karne inter ili kaj estime parolas al ili!

Mi certas, ke tiu sento de propra digno kaj valoro, kiun eksentis multaj dum manifestacioj kaj mitingoj, estis la unua en ilia vivo. Kia ĝojo ĝi estas! Kaj kia gaja ludo: iri kun helaj strietoj (ankaŭ tio estis tre profesie planita – la junularon allogas ĉio brilhela!), havi komunan simbolon, oponi plenrajte al plenkreskuloj – kia bonega ludo estas tio! Kiel ĝi koloriĝas (per la plej okulfrapa, plej agresema koloro!) la grizan novembran ĉiutagecon!

Certe, dum la 13 jaroj de la ukraina sendependeco oni preparis tian junularon – oni forprenis de ĝi ĉion. Kial miri do, ke ĝi kontraŭas la reĝimon, kiu senigis ĝin je ĉio: libera evoluo de personeco, ebloj ripozi, ĝui altkvalitan kulturon ktp.? En tio la junularo plene kaj absolute pravas. Sed paradokso estas ja, ke ĝuste dum la lastaj du jaroj, dum la gvidado de Janukoviĉ, komenciĝis vera kaj evidenta kresko de la ekonomio, kiu en altevoluinta (dume) lando nepre sekvigus altiĝon ankaŭ de la kultura, scienca, intelekta niveloj de la popolo.

Tamen kion signifas pliboniĝo de la vivo en Ukrainio? Kion signifas kresko kaj restariĝo de ĝiaj scienco kaj kulturo? Jes, vere: ĝi signifus veran memstariĝon de Ukrainio, t.e. ĝian sendependiĝon de Usono kaj la Okcidento, kiuj bezonas tiun ĉi landon nur kiel merkaton por siaj nebezonataj varoj, merkaton de preskaŭ senpaga, tamen kvalifikita kaj klera laborforto kaj kiel rubujon por siaj naturdetruaj fabrikoj kaj ties forĵetaĵoj. Al mi ŝajnas, ke la junularo en la eŭforio de memstareco luktas kontraŭ siaj propraj interesoj, kontraŭ prospero kaj disvolviĝo de la lando. Spertaj manipulantoj gvidas ĝin. Dume ĉie regas ĝojo. Sed kion ricevos la popolo poste?

## Kiel kompreni Ukrainion

*Pedro Hernández, Hispanio*

Naciismaj movadoj en la plejmulto de la teritorioj koncernas aŭ ideojn, kiuj rilatas la tutan landon (kiel, ekzemple, en Germanio), aŭ regionajn movadojn, kiuj rilatas nur parton de ekzistanta lando, kies celo estas defendi la interesojn de konkreta komunumo kaj ties teritorion, kaj eĉ sendependiĝi de la cetera lando (kiel ekzemple okazas en Eŭskio, Norda Irlando, Katalunio, Korsiko...).

Tamen, en Ukrainio okazas, verŝajne, io unika: la naciisma movado koncentriĝas en unu konkreta regiono, sed ĝia celo estas defendi la interesojn de la tuta lando, kies loĝantaro plejparte ne subtenas la naciismajn ideojn, almenaŭ en la maniero subtenata de la "oficialaj" naciistoj.

Tiun strangan politikan situacion oni povas kompreni nur konsiderante la historion de la lando. Ukrainio estas unuiĝinta teritorio nur ekde la Dua Mondmilito (1939). Ĝis tiu momento, la historio de la diversaj ukrainiaj teritorioj estas sufiĉe malsimila por disvolvi tutan apartan socipolitikan idearon. La plejmulto de la lando (orienta, suda kaj centra Ukrainio) estis parto de la Rusia Imperio, dum la okcidenta parto ĉiam estis sub ies povo: ĉu de la poloj kiel parto de la pola ŝtato, ĉu kadre de la Aŭstra-Hungara Imperio. Unuavide, la situacio de la ukraina popolo ne devus esti tre malsama, se oni ne konsideras la socipolitikan bazon de la "okcidenta" kaj "orienta" regantaj potencoj.

Pollando estis unue la "lando de la poloj", t.e., la lando, kiu ekzistas nur de kaj por la poloj. Tio signifas, ke la tuta regado de la lando devas esti en la manoj de poloj, kaj ili estas ĉie favoritaj tie, kie loĝas nepoloj. La bazo de la ŝtato estis la nacia aparteno. Kiel reagon, tio kreis kreskantan memkonscion ĉe la nepolaj loĝantoj de la lando (plejparte ukrainoj); tiu situacio daŭris ankaŭ kiam la antaŭa pola teritorio estis parto de la Aŭstra-Hungara Imperio. Ĉiam estis tensio inter poloj kaj ukrainoj, kaj ju pli la ukrainoj estis subpremataj de la poloj, des pli radikaliĝis la naciisma reago de la ukrainoj kontraŭ la poloj.

La situacio en Rusio malsimilis ne laŭ la vivkvalito de la loĝantaro, sed laŭ la socipolitika bazo de la lando. La Rusa Imperio estis lando kun fortega klasa soci-strukturo. Ni ne forgesu, ke ĝis 1861 la plejmulto de la loĝantaro de Rusio estis servutuloj sendepende de la nacia aparteno. Kutime, kiam la Rusa Imperio konkeris iun novan teritorion, ĝi egaligis la tiean aristokrataron al sia propra kaj servutuligis la kamparanojn. La situacio de ukrainaj kaj rusaj servutuloj estis la sama. Do, komprenebla naciisma reago de la ukrainoj estis ne kontraŭ la "rusoj", sed kontraŭ la reprezentantoj de la Imperio. Ekzemple, en la ukraina lingvo ekzistas la vorto "moskal" – ulo malamata en la tuta popola literaturo de la deknaŭa jarcento: "Enamiĝu, nigrbrovulinoj, sed ne al la moskaloj" (T. Ŝevĉenko). Multaj nun, erare aŭ intence, kompren(ig)as tiun vorton kiel "moskal = moskvano = ruso", kvankam ne temis pri "nura ruso" sed pri soldat(aĉ)o de la Rusa Imperio, t.e., la ilo de la Imperio por subigi la servutulojn, sendepende de ilia nacieco. Pro tio, kvankam la ukraina memkonscio disvolviĝis ankaŭ en ĉi tiu teritorio, ne aperis tia *radikala* naciisma movado, kiel en okcidenta Ukrainio, sed pli facile disvolviĝis alia memkonscio: klasa.

Ni preterpasu la epokon de la sendependa Ukraina ŝtato tuj post la Oktobra Revolucio (tro komplikas analizi ĝin ĉi tie) kaj iru ni al la tempoj de la Dua Mondmilito. Kiam Sovetio aneksis la orientan parton de la tiama Pollando, t.e. la okcidentan Ukrainion, tio, unuflanke, unuigis ĝin kun la cetera Ukrainio. Sed aliflanke, la okcidentukrainaj naciistoj konsideris Sovetion nur kiel la novan okupanton. Tial, kiam la nazioj eniris okcidentan Ukrainion, la ukrainaj naciistoj fervore apogis ilin, ĉar laŭ idearo ili estis pli proksimaj al la nazioj ol al la komunistoj.

Ni analizu iomete la situacion en tiu epoko. Ĝuste antaŭ la milito preskaŭ ĉiuj landoj (krom Ĉeĥoslovakio) apud Sovietio havis faŝismajn registarojn (*Horthy* en Hungario, la *Fera Gvardio* en Rumanio ktp.). La faŝismaj ideoj estis ankaŭ la bazo de la naciisma idearo en Ukrainio, kies estroj, kiel Stepan Bandera, revis krei sendependan ŝtaton surbaze de tiu idearo. Cetere, la nazioj kreis faŝismajn ŝtatojn en Kroatio (Ante Paveliĉ), Slovakio (Tiso), kaj verŝajne ankaŭ estus kreontaj ĝin en Ukrainio, se la nazioj ne volus kontroli Ukrainion mem. Pro tio ne strangas, ke la okcidentukrainiaj naciistoj apogis kaj helpis la naziojn, kreis la divizion *Haliĉina* kadre de la germanaj SS ktp. Konsekvenco: la ceteraj ukrainoj konsideris la okcidentajn faŝismajn perfidulojn, kiuj apogas la malamikon, detruantan Ukrainion kaj buĉantan amase la loĝantaron. Siaflanke, la okcidentaj ukrainoj konsideris la ceterajn rusigitajn perfidulojn de la ukrainia patrujo... Ĝis nun, la okcidentaj ukrainoj konsideras sin la "veraj" ukrainoj, kaj konsideras la ceterajn rusigitaj ukrainoj, kiuj malhelpas la interesojn de Ukrainio favore al Rusio.

Tiu reciproka malfido daŭras ĝis nun, kaj eĉ kreskas. Post la sendependiĝo de Ukrainio, en multaj lokoj en okcidenta Ukrainio okazis omaĝoj al la divizio *Haliĉina* kaj al Stepan Bandera (kies nomon portas placoj kaj stratoj); oni dediĉis al Bandera monumentojn, muzeon ktp., kio forte kreskigis malfidon de la ceteraj ukrainoj. Fakte, en la plejmulto de la balotadoj, la ukrainoj de suda kaj orienta Ukrainio voĉdonis por iu ajn kontraŭ la naciisma kandidato. Aliflanke, la okcidentukrainoj neniam klopodis ŝanĝi sian bildon pri la ceteraj ukrainoj, kaj tio ŝajnas al mi erarego, eĉ danĝera erarego, kvazaŭ la okcidentukrainoj pensus: "Ni tute pravas, kaj la orientanoj iam komprenos tion".

La sola "interna" kialo por la nuna situacio, en kiu amaso da nenaciistoj apogis Juŝĉenkon, estas la espero batali kontraŭ korupto, kiu regas en Ukrainio apud la ŝtata strukturo de Kuĉma kaj Janukoviĉ (miaopinie iom naiva espero, se oni rigardas la historion de Juŝĉenko, kiu, estante prezidanto de la Nacia Banko, "malaperigis" por siaj kunuloj 630 milionojn da dolaroj pruntitaj el la Internacia Mona Fonduso, aŭ Julia Timoŝenko, kies riĉiĝo dank' al kontrabando de gaso estas sufiĉe konata, aŭ se oni konsideras, ke korupto ekzistas ankaŭ en la urboj, kies urbestroj estas naciismaj).

Estas multaj aliaj aferoj, pri kiuj oni povas paroli. Ekzemple, pri la maniero, en kiu Usono regas la okazaĵojn en Ukrainio dum la lastaj semajnoj, pli aŭ malpli kaŝe financante kaj organizante

grupojn kiel *Pora* por gvidi la situacion favore al la usonaj interesoj (kiel antaŭe en Jugoslavio, Kartvelio ktp.) aŭ senpere financante la elektkampanjon de JUŜĈENKO (oni kalkulas, ke proksimume 60% de la monsubteno venas de usonaj institucioj – la fonduso Soros, la Monda Banko...). Ne eblas ne mencii ankaŭ la ekonomian strukturon de Ukrainio, kies riĉeco kreiĝas preskaŭ nur en orienta kaj suda Ukrainio. Ja nome ĝia industrio kaj minejoj, kiuj kaŭzas la kreskadon de la ukrainia ekonomio (cetere, la plej rapida en Eŭropo) estus endanĝerigitaj, se oni aplikus la ekstremliberaligajn proponojn de la grupo de JUŜĈENKO. Ni pensu pri Lech WAŁĘSA, kiu aperis apud JUŜĈENKO en Kievo. Post la venko de lia kontraŭkomunisma movado *Solidarność*, kies nesto estis la fama gdanska ŝipkonstruejo, "dank'" al la novaj reguloj de la libera merkato, ĉi tiu grandega ŝipkonstruejo bankrotis, kaj la laboristoj, kiuj tiel batalis por atingi la kapitalismon, perdis siajn laborojn. Ironio de la destino? Ne. Tute antaŭvidebla konsekvenco.

La orientukrainoj timas, ke venko de la naciistoj kaŭzos ankaŭ fermiĝon de la orienta landlimo kun Rusio, kio malhelpos kontaktojn kun parencoj en Rusio (ni ne forgesu ke tiu parto estis teritorio de Rusio dum jarcentoj), perdigos la rusian merkaton por la ukrainiaj varoj, kio ruinigus la ekonomion, kaj aperigos diskriminaciajn regulojn kontraŭ la rusparolantoj (ekzemple, plejmulto de la loĝantaro en Krimeo). Ne strangas, ke multaj en orienta kaj suda Ukrainio preferus sendependiĝi. Ŝajne, en Ukrainio oni konsideras la patrujon kiel teritorion, sed tamen ĉio aspektas tiel, kvazaŭ ekzistas sento, ke la patrujo ne bezonas parton de la loĝantaro.

Ukrainio povas funkcii nur se la prezidento de la lando, la registaro ktp. strebos regi por *ĉiuj* ukrainoj, ne subigante parton de la lando per la ideoj de la alia parto. Ĉu tio eblas en Ukrainio? Mi ne scias. Sed la artikolo iĝus tro longa, se ni klopodus analizii ĉiujn aspektojn de la situacio en Ukrainio. Do, eble venontfoje.

La aŭtoro de tiu ĉi artikolo estas Fakulo pri Ukrainiaj Lingvo kaj Kulturo, Oficiala Tradukisto de Slavaj Lingvoj (Madrido)



## Ĉu vi serĉas korespondamikon?

Sendu al *Koresponda Servo Mondskala* jenajn detalojn: nomo, adreso, sekso, aĝo, profesio, geedza stato, kiom da korespondantoj vi deziras, en kiuj landoj kaj pri kiuj temoj. Kunsendu 2 internaciajn respondkuponojn, aŭ, se ili ne estas aĉeteblaj en via lando, neuzitan poŝtmarkon. KSM pludonos viajn informojn al alia(j) korespondemulo(j), kiu(j) konformas al viaj deziroj. Vi ricevos rektan respondon. KSM estas servo de UEA.
Skribu: **Koresponda Servo Mondskala, B.P. 6, FR-55000 Longeville-en-Barrois, Francio**



## Kiel sendi kontribuojn al *KONTAKTO*?

- ✔ sendu prefere tekston originale verkitan en Esperanto aŭ foton/bildon memfaritan
- ✔ se vi sendas tradukon, bv. indiki la originajn fontojn, lingvon kaj aŭtoron. Ĉe fabelo indiku, ĉu ĝi estas popola (kaj de kiu popolo) aŭ verkita de vi
- ✔ *KONTAKTO* ne estas movada revuo, do *ne sendu al ĝi primovadajn raportojn!*
- ✔ indiku, ĉu via artikolo jam aperis, aŭ estas proponata al alia revuo
- ✔ fotoj devas esti bonkvalitaj, ne gravas ĉu nigrablankaj, ĉu koloraj. Ne forgesu aldoni la nomon de la artisto aŭ de la fotinto!
- ✔ dikajn kovertojn prefere sendu registritaj
- ✔ rete bv. sendi vian artikolon kiel kutiman retmesaĝon aŭ RTF (bv. uzi x-kodigon por supersignaj literoj); bildojn – kiel JPEG (150-300 dpi)
- ✔ ilustraĵoj kaj adresoj en la Interreto, kiuj rilatas al via temo, estas tre bonvenaj! **Koran antaŭdankon!**

# Kotiztabelo de UEA por 2005

| Lando/valuto | MG | MJ(-T) | MA(-T) | SA | Kto | SZ |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Argentino/eŭro | 4 | 11 | 28 | 17 | 10 | 56 |
| Aŭstralio/dolaro | 15 | 38 | 94 | 56 | 34 | 188 |
| Aŭstrio/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Belgio/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Brazilo/eŭro | 4 | 11 | 28 | 17 | 10 | 56 |
| Britio/pundo | 6 | 15 | 37 | 23 | 14 | 74 |
| Bulgario/eŭro | 4 | 11 | 28 | 17 | 10 | 56 |
| Ĉeĥio/krono | 200 | 490 | 1220 | 770 | 460 | 2440 |
| Danio/krono | 65 | 165 | 410 | 260 | 155 | 820 |
| Finnlando/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Francio/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Germanio/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Greklando/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Hispanio/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Hungario/forinto | 1500 | 3700 | 9200 | 5800 | 3500 | 18400 |
| Irlando/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Islando/eŭro | 9 | 22 | 55 | 33 | 20 | 110 |
| Israelo/eŭro | 7 | 18 | 44 | 26 | 16 | 88 |
| Italio/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Japanio/eno | 1200 | 2900 | 7300 | 4400 | 2600 | 14600 |
| Kanado/dolaro | 14 | 34 | 86 | 52 | 31 | 172 |
| Malto/eŭro | 6 | 15 | 37 | 23 | 14 | 74 |
| Nederlando/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Norvegio/krono | 75 | 185 | 460 | 275 | 165 | 920 |
| Nov-Zelando/dolaro | 17 | 44 | 109 | 65 | 39 | 218 |
| Pollando/eŭro | 4 | 11 | 28 | 18 | 11 | 56 |
| Portugalio/eŭro | 9 | 22 | 55 | 35 | 21 | 110 |
| Rusio/eŭro | 4 | 11 | 28 | 17 | 10 | 56 |
| Slovakio/krono | 200 | 550 | 1400 | 900 | 550 | 2800 |
| Svedio/krono | 80 | 200 | 500 | 320 | 190 | 1000 |
| Svislando/franko | 14 | 34 | 85 | 51 | 31 | 170 |
| Usono/dolaro | 10 | 25 | 62 | 37 | 22 | 124 |
| TARIFO A/eŭro | 6 | 15 | 37 | 22 | 13 | 74 |
| TARIFO B/eŭro | 4 | 11 | 28 | 17 | 10 | 56 |

ALIAJ LANDOJ: Luksemburgio laŭ Belgio; San-Marino laŭ Italio; Kipro laŭ Malto; Liĥtenŝtejno laŭ Svislando; Estonio, Latvio, Litovio kaj Slovenio laŭ Pollando.
TARIFO A: Honkongo, Korea Respubliko, Singapuro, Sud-Afriko, Tajvano.
TARIFO B: Ĉiuj ceteraj landoj ne jam menciitaj.
Mallongigoj:
**MG –** Membro kun Gvidlibro
**MJ** – Membro kun Jarlibro
**MJ-T** – MJ malpli ol 30-jara (individua membro de TEJO; ricevas ankaŭ la revuon *KONTAKTO* kaj la bultenon *TEJO tutmonde*)
**MA** – Membro-Abonanto (ricevas la Jarlibron kaj la revuon *Esperanto*)
**MA-T** – MA malpli ol 30-jara (individua membro de TEJO; ricevas ankaŭ la revuon *KONTAKTO* kaj la bultenon *TEJO tutmonde*)
**SA** – Simpla abono de revuo *Esperanto* sen membreco
**Kto** – Simpla abono de revuo *KONTAKTO*
**SZ** – Societo Zamenhof (subtena kotizo aldone al membrokotizo)
**PT** – Patrono de TEJO: 3-oblo de MJ (ricevas *KONTAKTO* kaj *TEJO Tutmonde*)
**DM** – Dumviva Membro: 25-oblo de MA (ricevas dumvive la samon kiel MA)
**DMJ** – Dumviva Membro kun Jarlibro: 25-oble de MJ (ricevas dumvive la samon kiel MJ)
**Kiel individuaj membroj de TEJO** (MJ-T aŭ MA-T) por 2005 estos registritaj tiuj individuaj membroj de UEA, kiuj estos malpli ol 30-jaraj la 1an de januaro 2005 (t. e. kiuj naskiĝis en 1975 aŭ poste). Ankaŭ Dumvivaj Membroj samtempe membras en TEJO, dum ili estas malpli ol 30-jaraj.
**Eblas aboni** ankaŭ al *TEJO tutmonde* sen membreco en TEJO. La abonprezo estas duono de la MJ-kotizo por la koncerna lando.
**Oni povas pagi** pere de la perantoj de UEA, aŭ rekte al UEA per ĝiro al ĝia banka aŭ poŝta konto, per ĉeko aŭ poŝtmandato, aŭ per kreditkarto.

# “Juŝĉenko, i vsjo!”

*Joel Amis, Usono/Ukrainio*

Komence de decembro (2004) mi eltrajniĝis en la kieva centra stacidomo, kaj tuj vidis grandan oranĝan flagon kun la surskribo “Tak! Juŝĉenko” (“Jes! Juŝĉenko” en la ukraina). Mi ja estis aŭdinta pri la lastatempaj politikaj tumultoj en Ukrainio, sed nun la plena realeco staris antaŭ mia vizaĝo. Survoje al la metroo mi vidis ĉie oranĝkolorajojn. Kaj jen sur la rulŝtuparo mi aŭdis iun krii “Janukoviĉ” (la nomo de la registara kandidato), kaj tuj venis laŭta ĥora respondego “Juŝ-ĉen-ko! Juŝ-ĉen-ko! Juŝ-ĉen-ko!” (la nomo de la opozicia kandidato). Sed mi ial ne havis la senton, ke mi staras meze de revolucio... se mi nenion scius pri la fono de ĉio ĉi, mi emus kredi, ke temas pri granda futbalmatĉo (ja en Nederlando, de kie mi estis ĵus veninta, oni vidas tiom da oranĝkolorajoj nur kiam estas granda futbalmatĉo)...

La sekvan tagon ni (mi kun la redaktorino) vizitis la ĉefan placon de Kievo – Majdan Nezaleĵnosti, kie dum la pasintaj semajnoj kreskis tendurbeto, plenplena je fervoraj subtenantoj de la opozicio. Ĉi tiun tendurbeton ĉirkaŭis improvize konstruita barilo, sur kiu pendis flagoj, politikaj desegnaĵoj kaj karikaturoj, eĉ iuj simbolaj pupoj (ekz. pupo de Janukoviĉ pendumita). Ĉe la enirejoj deĵoris gardistoj, kiuj enlasis nur tiujn, kiuj portas specialan ŝildeton. Krom loĝtendoj, estis ankaŭ kelkaj provizejoj, kiuj senpage disdonis manĝaĵojn, medikamentojn k.s.; mi vidis eĉ ortodoksan preĝejeton... ankaŭ en tendo! (laŭdire okazis jam pluraj geedziĝoj tie!) Plenigis la aeron jen fumo de lignofajroj (estis ja sufiĉe malvarme), jen la odoraĉo de provizoraj necesejoj – kaj memoru, mi priskribas lokon ne en la mezo de sovaĝejo, sed ja en la centro de granda eŭropa ĉefurbo! Tamen ne estis tiom da homoj, kiom mi atendis vidi (laŭ tio, kion mi vidis en televido) – evidente la entuziasmo iom malvarmiĝis intertempe.

Diversloke ĉe la barilo de la tendurbeto aŭdeblis disputadoj, foje eĉ ardaj vortbataloj, inter subtenantoj de la opozicio kaj kontraŭantoj. Sed elstaris en mia menso unu frazeto, kiun mi aŭdis de opoziciuloj kiel konkludon de la argumentado: “Juŝĉenko, i vsjo!” (pli-malpli “Juŝĉenko, punkto-fino!”). Nu, kian ajn sintenon oni havas al tiu aŭ alia kandidato, oni tamen devas agnoski, ke tion oni simple ne povas nomi argumento! Mi vere esperis aŭdi iujn logikajn argumentojn (mi ĉiam klopodas teni malferman menson) – sed el la diversaj interdisputadoj, kiujn mi (per traduko) aŭskultis, mi aŭdis, bedaŭrinde, pli da naivaj kred-esprimoj ol konkretaj faktoj...

Poste ni pluiris al la ĉefa administracia konstruaĵo de la registaro, antaŭ kiu jam dum sufiĉe longa tempo okazadis blokado fare de la opozicio. Tie “por” la kabineto de ministroj tagnokte koncertadis “orkestro”, kies ĉefaj “muzikiloj” estis petrolbareloj. Estis jam vespero, kaj ni estis iom malsataj. Kutime por manĝaj celoj oni iras en iun el la lokaj manĝejoj. Sed ne dum la revolucio! Nun ĉiu sin-respektanta restoracio, subtenanta la opozicion, disdonas manĝaĵon senpage en la tendurbeto. Por “eksteruloj”, sendepende de la politikaj preferoj, oni proponis senpagan kafon, teon, buljonon kaj kuketojn.

La sekva celo de la revolucia ekskurso estis, kompreneble, la parlamento. Estis sufiĉe da oranĝaj homoj tie, kiuj kun granda intereso spektis ĉion, kio okazas en la parlamento, per grandega televidilo. La antaŭan tagon ili estis ŝturmintaj la parlamenton, sed ĉi-foje ili estis pli kvietaj. Ni ne maltrafis la okazon preni po unu kukon de la aŭto, de kiu oni disdonis manĝaĵojn (la kuko estis eĉ ne venena, kaj eĉ bongusta). Samtempe kun la kukoj ni ricevis tri broŝuretojn. Pri Juŝĉenko, tuj pensis mi. Sed – tute ne! Temis pri Jesuo. La jesua temo ripetiĝis ankaŭ dumvoje al la metroo: tie staris stando, kie per grandaj literoj estis skribite “Ambasadejo de Dio”. La evangelianoj neniam maltrafas la okazon provi savi “la perditajn animojn”, eĉ meze de revolucio...

Tiel finiĝis mia unua revolucia tago...



FOTO: TIMĈENKO E., NTO

Sur Majdan Nezaleĵnosti, la ĉefplaco de Kievo



FOTO: TIMĈENKO E., NTO

Unu el la plej etaj “revoluciantoj”

INTERRETO





